**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7, Telefono 380—84.**

**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Redaktoroj:** ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj:** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz,) Petro Firu (Bucurest), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava). Alessandro Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), L. E. Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun desegnitaj aŭ tre klare skribitaj literoj.

*La nunan numeron ni kompilis el la*

## *jugoslava literaturo*

*La materialon por la numero grandparte ni dankas al samideanoj I. ROTKVIĈ, D. MARUZZI, J. ŜTEFANĈIĈ kaj prof. MODRIJAN.*

## *Literatura Konkurso 1931.*

La konkurson partoprenis kvar verkoj, unu estis poste retirita. El la restintaj tri, laŭ la unuanima opinio de la juĝantaro, alte elstaras la romano havanta la moton »Tri generacioj«.

Ĝi malkaŝas neordinaran verkistan talenton kun akra karakteriza forto kaj granda intuicia kapablo. La personoj de la romano estas homoj el karno kaj sango, ne skemaj tipoj, sed homoj vivantaj ekstere kaj interne vere individuan vivon.

Krome la verkinto scias kaj ŝatas rakonti. La temo estas simpla vivo de simplaj homoj, vivantaj, generacio post generacio, en la malnova »korto«; ilia vivo ne estas »sensacio« kaj tamen nia intereso restas ĝisfine streĉita: ĉi tiuj homoj vekas intereson kaj simpation, ĉar ni tiom funde ekkonas ilin, ke ni preskaŭ partoprenas ilian sorton, la iluziojn kaj senreviĝojn, la fortostreĉojn kaj kaj laciĝojn, ĉion kio, en sia ĝoja kaj dolora efemereco, estas la homa vivo.

La titolo de la romano, al kiu la juĝantaro aljuĝis la premion estas

HOMOJ SUR LA TERO.

Ĝia verkinto estas la konata novelisto

STELLAN ENGHOLM

kies »Al Torento« estis siatempe granda surprizo, montrinte per unu fojo pretan novan talenton en nia proza literaturo originala. La nuna romano multrilate estas granda progreso. Literatura Mondo tre ĝojas, ke ĝia konkurso donis tiel belan rezulton, kaj, ke per la eldono de la romano ĝi povas prezenti al la publiko veran valorajon.

***J. Baghy, K. Bodó, J. Forge, K. Kalocsay, R. Schwartz***

## GRAVA INFORMO

Ni devas informi, bedaŭrinde, niajn legantojn pri malagrabla afero. Pro la ministeria ordono, kiu limigas en Hungarlando la amplekson de ĉiuj gazetoj kaj revuoj, nia amplekso provizore ne povas transpaŝi 16 tekstpaĝojn. Ni esperas, ke ĉi tiu ordono, kiu havas ekonomipolitikajn kaŭzojn, ne daŭros longe, kaj baldaŭ ni povos repreni la antaŭan amplekson. Ĝis tiam ni penos ne malpliigi la enhavon per malpli grandaj literoj kaj malpli multaj ilustrajoj. — Tamen tio, ke nia nuna numero estas preskaŭ sen bildoj, ne estas kaŭzita per niaj supraj klopodoj, sed per tio, ke la kliŝoj, senditaj de niaj jugoslavaj kunlaborantoj, pro nunaj doganmalfacilajoj kuŝas en la hungara doganoficejo. Tamen ni ne volis prokrasti la aperon de la numero kaj ni presos la kliŝojn en junio.

*

Niaj tre ŝatataj klientoj bonvolu noti, ke laŭ la ordono de la Hungara Nacia Banko, ni ne rajtas liveri librojn eksterlanden, por kiuj oni pagas per poŝtmandato. Ni devas do peti sendi la monon al ni en la mono de la koncerna ŝtato per valor- aŭ rekomenditaj leteroj. Tamen ni povas akcepti nur la plej konatajn monunuojn (usona dolaro, svisa franko, germana marko, angla funto, franca kaj belga frankoj, sveda, norvega kaj dana kronoj, pola zloty, italaj liroj, ĉeĥaj kronoj, ŝilingo, guldeno, leo, dinaro, levo). Aliajn bonvolu ne sendi. POŜTMANDATON SENDITAN AL NIA GERMANA POŜTĈEKKONTO BLEIER VILMOS *Berlin* 138,084 NI POVAS AKCEPTI.

*L. M.*

## Abonprezo:

| | |
|---|---|
| Por jaro | 1.80 USA dolaroj |
| duonjaro | 1.— USA dolaroj |
| kvaronjaro | 0.60 USA dolaroj |

**Nia sekva numero aperos la 25-an de junio**

# La Literaturo en Jugoslavujo

— D-ro Ljuba Marakovic* —

La skribkono en s'avaj lingvoj sur teri'orio de la hodiaŭa Jugoslavujo komenciĝis en la IX jarcento post kiam oni forpelis el Moravujo la disĉiplojn de la sanktaj Cirilo kaj Metodo. La disĉiploj — post la morto de Metodo — enmigris la sudajn slavajn landojn portante kun si la slavlingvajn librojn por la Diservo kaj ankaŭ la abocon konstruitan tiucele de la sankta Cirilo, kiam li kun la frato iris en Moravujon por organizi la slavan hierarhion Sed la li'eratura laboro, ĝerminta el tio, havis tute praktikan karakteron: estis tio ekleziaj libroj por la Diservo kaj la religiaj instigoj, hogiografioj kaj homiletikoj; krome diplomatiaj aktoj kaj leĝaroj, surskriboj kaj testamentaj dokumentoj; fine — etnombre — iom da »romanoj« kaj fabeloj kun plene mezepoka karaktero, same kiel ĉe la aliaj eŭropaj popoloj. La tiel nomata »bogumila« (novmonihea) movado naskis iom pli fortan literaturon, sed ankaŭ tiu ĉi ne estis originala, nek aŭtohtona. Apenaŭ ĉe la fino de la XVI. jarcento aperis la trubadura renesanca nacilingva poezio en la apudmaraj dalmatiaj urboj, kiuj sub protekto de Venezio eltenis la turkan invadon konservinte tiel almenaŭ relativan liberecon. Samtempe ekfloris en tiuj ĉi urboj humanisma literaturo en la latina lingvo.

*Marko Marulić* el Split (1450—1524) la aŭtoro de la fama asketa verko: De institutione bene beateque vivendi, kiu — tradukita en ĉiujn tiamajn kulturlingvojn — havis multajn eldonojn, estas ankaŭ la poeto de la unua nacilingva eposa poemo en versoj: »Judita«. Estas superflue mencii, ke la instigoj por tiu ĉi renesancstila literaturo venis el la najbara Italujo, kien veturis la filoj de ĉiuj pli famaj dalmatiaj, precipe dubrovnikaj, familioj por studado aŭ por komercaj kaj diplomatiaj aferoj. La formo kaj enhavo de tiu ĉi lirika, eposa kaj drama poezioj plejparte estas neoriginala kaj pruntita, sed tamen estas videblaj postsignoj de la tiama nacia poezio kaj kelkaj interesaj bildoj el la nacia vivo. Same en la bonegaj komedioj de *Marin Drjić* (Dubrovnik 1520—1567) estas brile pentrita per fremdaj motivoj la impresa bildo de la tiama vivmaniero en Dubrovnik (Ragusa). Al la plej granda genio de tiu ĉi epoko *Ivan Fr. Gundulić* (Dubrovnik 1588—1638) venis kuraĝa ideo verki romantikan eposon en kiu la romantikaj karakterizajoj kaj la literatura formo rememorigas al Torq. Tasso. Sed la motivo — la malvenko de la turka sultano Osman fare de la pola reĝido Vladislav ĉe Chotim kiel ankaŭ la revolucio en Konstantinoplo, tiu unua signo de pereo de la turka imperio — estas laŭtempa kaj originala. Aliflanke la ideo pri la »slaveco« kiel ankaŭ pri la antaŭbatalanto de la kristanismo kaj eŭropa civilizo estas unuafoje forte kaj klare akcentita. Gundulić riĉigis ankaŭ la dolĉe sentimentalan specon de la itala dramo »dramma pastorale« per sia verko »Dubravka«. En ĝi li glorigas la liberecon de la respubliko Dubrovnik kaj de sia gento entute tiamaniere, ke ĝi povis esti prezentita en la plej lasta tempo kiel festludo sub la »serena ĉielo« aŭ ĉe la plej solenaj okazoj en la teatro.

Sed la literaturo en moderna senco komenciĝas ĉe la kroatoj, serboj kaj slovenoj en la unuaj jardekoj de la XIX. jarcento sub influo de la romantikaj ideoj, fluktuantaj tra la kultura kaj politika vivo. *Ljudevit Gaj* (1809—1872) ĉe la kroatoj kaj *Vuk Stefanović Karaĝić* (1787—1864) ĉe la serboj preskaŭ samtempe reformis la ortografion (ĉe la unuaj per la latinaj, ĉe la duaj per la cirilaj literoj) kaj starigis la modernan literaturan lingvon. Ĉar tiuj ĉi lingvoj estas efektive identaj kaj ĉar la granda trezoro de la belega popola eposa poezio estas komuna al la kroatoj kaj serboj, Gaj kaj liaj kamaradoj nomis sian movadon »ilira« por kunigi tiel ĉiujn sudajn slavojn en unu tuton. Al tiu movado komence alvenis ankaŭ multaj slovenoj, kies literatura lingvo estas aparta kaj diferenca de la kroato-serba. Tiel ili baldaŭ disiĝis, gviditaj de sia tiama plej granda poeto *Francet Prešern;* la samon faris ankaŭ la serboj kreinte sian propran literaturan vivon. La nomo »ilira« malaperis.

En la romantikisma epoko la plej grandaj kroataj poetoj estas *Ivan Majuranić* (1814—1890) kiu en sia eposo »La morto de Smailaga Ĉungijić« kunigis naivecon de la popola poezio kun la profundeco de la klasika kulturo kaj ankaŭ kun la raveco de la romantikaj ideoj Tion ĉi li sintezigis por priskribi epizodon el bataloj inter la montenegranoj kaj turka tiraneco. Lin apudstaras ankaŭ *Petar Preradović* »refleksiva« poeto kun profundaj religie filozofiaj ideoj. Samtempe ĉe la serboj la montenegra princo *Petar Petrović Njegoš* (1813—1851) glorigis la karakterizajn ecojn de la montenegrana vivo en la verko plena de neordinara beleco kaj skribita en la drameposa formo, subtitole »La monta girlando.«

»Smail-aga« de Majuranić kaj »La monta girlando« de Njegoš estas tradukitaj en plurajn eŭropajn lingvojn.

La romantikismo kreis ĉe la serboj tre fortajn lirikajn poetojn: *Gjuro Jaksić, Jovan Jovanović Zmaj,* kaj *Laza Kostić;* ĉe la slovenoj la plej eminentan lirikiston *Francet Prešern* kaj proziston: *Fran Levstik;* ĉe la kroatoj la unuan romanverkiston, tre fruktodonan kaj impresan *Aŭgust Šenoa,* kies historia romano »La trezoro de la orajisto« estas tradukita en multajn lingvojn, ankaŭ en Esperanton.

Post tiu tempo pli kaj pli evoluas la romano, en kiu oni pritraktas ĉiuflanke la problemojn de la tuta nacia vivo. *Ksaver Šandor Gjalski* kaj *Vjenceslav Novak* estas la plej fruktodonaj verkistoj sur tiu ĉi kampo. La unua pentras la karakterizajn sociajn kaj politikajn ŝanĝojn en la nacia vivo de la XIX. jarcento, la dua enprofundiĝas krome ankaŭ en la psikologiaj problemoj. Aparte distingiĝas *Fran Majuranić,* la verkisto de la belegaj poemoj en prozo, titolitaj: »Foliaro«.

Ĉe la serboj *Laza K. Lazarević* en malgrandaj noveloj kaj rakontoj majstre prezentis la vivon de la »eturbanoj« kaj *Janko Veselinović* tiun de la vilaĝanoj (en Serbujo).

La komenco de la XX. jarcento alportis novajn pli fortajn artajn postulojn, kaŭzantajn leviĝon de la liter-

* Speciale por la »Literatura Mondo.«

# La Poŝtveturilo

– VOJISLAV ILIĈ pli juna –

Granda kaj fortega poŝta veturilo
Ruliĝas tra polvo dum plena sunbrulo.
Troviĝas interne sur la lignaj benkoj
Nur tri vilaĝanoj kaj mi — la migrulo.

La rondo rubena de l' sun' subiĝanta
Lumigas arbaron ĉe la voj' mistere.
Dum *Rtanj* majesta, kun pinto abrupta
Jetante ombregon vidiĝas surtere.

Ni tiel atendas alvenon vesperan,
Dum kamparon regas paŝtista alvoko.
Subite poŝtisto la vorton misteran
Ekkriis: »Atentu, jen *Krivi Vir* loko!«

»Ekrigardu supren, domo sur la monto
Loko de ilia kaŝa amkunveno...
Estintecon sian tie ŝi sen honto
Forgesigis tute en la plenmalbeno...

La homoj sidintaj ĝis nun tute mute
Ekbabilis tiam pri fremda vivsorto
Per malvarma tono, strange kaj senĝene
Tuj kiam finiĝis poŝtista rakonto.

Plue, vidu, supre — klara ŝtonfonteto
El ĝi *Timok* kuras kvazaŭ forĵetita,
Jen vilaĝtombejo — supre sur monteto
En kiu ŝi kuŝas nune mortigita.»...

Dum diskutis tiel pri mia doloro
Propra kaj grandega sensentaj fremduloj,
Dolore rigardis kun sanganta koro
Mi vilaĝon tiun per ploraj okuloj...

»Ĉu vi ploras?« diris ili surprizeme.
»Ĉu pri via eble temas familio?«
Kaj mi tuj respondis animkonsternite:
»Jes, ĝi estis mia.« kun dolora krio...

Kaj tuj ĉesis tuta stranga parolado.
Dolora nun iĝis rigardo ilia.
Nur aŭdiĝis klare veturilbruado
Tra la densa polvo — kaj plorado mia.

El la serba: *Mato Dugandĵiĉ.*

---

atura nivelo. Ĝiaj dimensio kaj interna kvalito grave pligrandiĝis. *Ivo Vojnoviĉ* kreas la modernan impresionisman dramon, kiu tre influis la evoluon de la teatra arto seninterrompe ĝis la plej eminenta nuntempa dramverkisto *Miroslav Krleja.* La lasta en senco de la ekstremaj sociaj ideoj donas per siaj nekutime fortaj dramoj la socian analizon de la proksima pasinteco. *Borislav Stankoviĉ* ĉe la serboj (»Malpura sango«) kaj *M. Nehajev* ĉe la kroatoj (»La forkuro«) donas la plej bonajn romanojn. Ĉe la slovenoj *Ivan Cankar,* rakontisto kun lirika moleco kaj intima profundeco, estas tradukita en plurajn lingvojn.

Sur la lirika kampo konkuras la kroatoj D. *Domjaniĉ* kaj *V. Nazor,* la serboj *M. Rakiĉ* kaj *Jovan Duĉiĉ,* la slovenoj *Antono Askere, S. Gregorĉiĉ, D. Kette. Murn Aleksandrov* kaj *Oton Jupanĉiĉ.* V. Nazor estas krome la verkisto de la belega besta eposo »La urso Brundo«, de la mitologia »La anaso orflugila« kaj de multaj poetaj rakontoj, simbole konceptitaj. Lastakampe konkuras kun li *Ivana Brliĉ-Maĵuraniĉ,* la delikata poetino de la »Rakontoj el antikvo«, kiuj ĝis nun estas tradukitaj en anglan, rusan, danan, svedan, germanan (manuskripte ankaŭ en la esperantan) lingvojn.

Dum la romantikismo elmontradis en la romanoj plejparte la folkloran kaj dekoran elementojn kaj la realismo realajn sociajn kaj ekonomiajn problemojn, la nuna literaturo, disvolvante la lingvon kaj stilon ĝis plena matureco, prezentas karakterizan koloron de la pejzaĝoj kaj ilian psikologian atmosferon, pli substrekante la plastikajn kaj pitoreskajn elementojn (Veljko Petroviĉ, Ivo Andriĉ, Dinko Simunoviĉ kaj multaj aliaj).

La lirika poezio, plej parte socia, entenas multajn eminentajn nomojn, sed ĝi ne trovis ankoraŭ sian definitivan novan esprimformon.

Per la granda evoluo de la teatra mimika kaj dekora artoj, kiujn antaŭgvidas la nacia teatro en Zagreb, krome de la skulpta kaj pentra artoj (en la skulpta arto la kroato *Ivan Mestroviĉ* en la arĥitekturo la sloveno *Pleĉnik* — mondfamaj geniuloj) atingantaj la plej altajn celojn, ankaŭ la literaturo sendube elstarigos ĉiam pli kaj pli fortajn talentojn kaj trovos siajn proprajn vojojn.

Tradukis: *Ivo Lapenna.*

# El la „Foliaro“

— Fran Mažuranić —

LA PAGO.

Spirite mi vidas la dezertan, mizeran straton de la laborista antaŭurbo.

Rigardu malgrasajn vizaĝojn de ĝiaj loĝantoj, vidu tiujn suferajn laboristojn kun enkavigitaj, lacaj okuloj, vidu tiujn etajn infanojn kiel ili surstrate — en la frotŝiritaj vestaĵoj — ludas — — kaj vi ne imagos esti en Parizo.

Kompreneble, ne estas tio luksema kaj orgia Parizo sed la malsata laborista antaŭurbo.

Rigardu pormomente la infanojn kiel ili gaje ludas ĉirpante kaj saltante kvazaŭ paseretoj. — Nu, la pasereto estas ja »gamin« inter la birdoj!

Tiuj infanetoj ankoraŭ ne sentas, ankaŭ ne konjektas, mizeron ilin atendantan. Ho kiom feliĉaj!

La patrineto rigardas ilin el la fenestro lulante la infaneton surbrake — ankaŭ ŝi feliĉas, almenaŭ dum momento!

Jen, kiel aminda estas tiu malgranda petola bubaĉo, kiu starante meze de la strato manjetas kisojn al la etulino!

— Subite bruo de kaleŝo — ĉevaloj flugas — ili timsovaĝiĝis!

La veturigisto insultegas, la patrino jam terurkriis — jen la infano staras meze de l' strato kvazaŭ ŝtono. Jam perdita!

Tiumomente alsaltas viro al la infano kaj ĵetas ĝin flanken. Ĉevalo puŝas la viron, li falas, la rado transveturas la brakon. Ĝi estas rompita.

La najbaroj alkure amasiĝis. La patrino ĉirkaŭrigardas la infanon — ĝi senvunda!

Sed la savinto?

Nur mizera laboristo; li iras en la malsanejon.

Laboristoj lin kompatas. »Sed por kio la manoj?« — ridetas li amare — »jam tutan semajnon mi estas senlabora — de hieraŭ ankaŭ senmanĝa«.

.... En la romanoj tio finiĝas ĉiam pli feliĉe. La savita infano estas aŭ tiu de grafo aŭ almenaŭ perdita filo de la riĉulo, kies ĉevaloj timsovaĝiĝis. La savinton oni prizorgas por la tuta vivo.

Sed en la vivo? Per kio pagu la malriĉulino, malsatanta mem por satigi la infanojn? — Ŝi dankas nur per la ploro.

Ankaŭ la larmoj estas pago...

EN LA TAGO DE L' DUBO

Mi estis en Vieno, kiam Hackler murdis sian patrinon — por ŝin prirabi. Nur tri guldenojn li trovis.

La kadavron li kaŝis sub sian liton, per la forrabita mono li sin regalis kaj dormis sur tiu lito — sub kiu kuŝis la murdita patrino.

»Dio, ho Dio! Rabobesto ne farus tion — kaj vi, ho sankta Dio...«

»Sed ĉu ekzistas Dio?« Flustris al mi io. Mi ekdubis...

Dio estas — onidire — ĉioscia kaj ĉiopova.

Do Dio sciis, kiam la patrino koncipis kaj naskis tiun, pendigindan, friponon, kiel li ŝin rekompencos. Kaj kial lin la Ĉioscia kreis? Kial ja la Ĉiopova enblovis al la hieno tian animon?

Dio do sciis, kiam li enblovis tiun animon, ke tiu homo estos pendigita — do, li devis fini la vivon sur la pendigilo!

»Devis?« Kontraŭstaras io en mi — »Dio ja donis al la homo liberan volon!«

Liberan volon? — Sed kiel akordiĝas tiu ĉi »libera volo« kun la dia »ĉioscio«?

La Ĉioscia antaŭsciis ĉiun lian penson, ĉiun lian faron — kaj ĉu li povis liberiĝi de tio, kion Dio antaŭsciis kiel okazontan?

Kaj kia estas tiu ĉi »libera volo«?! — Tiuokaze ankaŭ la streĉita horloĝo pro la »libera volo« batas la horojn!

Kaj ĉu iu, en tiu ĉi aŭ la alia mondo, estas respondeca pri tio — ke la Ĉiopova ne enblovis al li pli bonan animon?

Ĉu estas eble, ke iu venu en la eternajn turmentojn, ĉar li estis devigita naskiĝi por fariĝi krimulo kaj esti pendigita?

Ne, tio ne estas ebla! Tial mi ne kredas, ke ĉi mondo estas la komenco de nia spirita vivo. Mi ne kredas ankaŭ, ke ĉi tie nia spirita vivo finiĝas.

Eble tiu ĉi nia vivo estas ia pli malpli granda rekompenco aŭ puno — kaj la kaŭzo en tiu ĉi transira stato estas nekonata.

Kiu scias de kie ni estas kaj — kien ni iras?

Ho eterna kaj dieca mistero, kie kaj kiam vi klariĝos?

## Lunbrilo

— Dragutin Domjanić —

| | |
|---|---|
| Sonĝtrankvilo. | Ondoj spitas, |
| La lunbrilo — | Barko glitas |
| Sorĉa ŝpinfaden': | Kun arĝenta tren', |
| Tra tremoloj — | L' alnoj muĝas, |
| Ortavoloj | Ĝi rifuĝas... |
| Por la revpromen'. | Kial vi, ĉagren'? |
| | |
| Ĉe l' kratagaj | Iam varma |
| Dornoj sagaj | Rozo ĉarma |
| Laktas flora ŝut', | Ŝi nun — ve, memor', |
| Bril' arĝentas | Bild' etera, |
| Kaj vin tentas | Efemera, |
| Al vilaĝa mut'. | Kuras vi jam for? |
| | |
| Kaj ĉe l' monto | Junko spiras, |
| Pina fronto — | Al ŝi tiras |
| Nigra la angul'. | La sopira sven'... |
| Jen barketo | Sonĝtrankvilo. |
| En impeto | La lunbrilo — |
| Pro ondeta lul'. | Sorĉa mortfaden'... |

El la kroata: *I. Rotkvić.*

## HEJME.

Ho mia antikva urbo, kiom mi amas vin! Per via temposto, per via maro kaj per viaj ŝtonoj vi alkreskis al mia koro! — Sub ĉiu ŝtono kuŝas kara rememoro — plej karaj miaj rememoroj kuŝas ja sub la ŝtonoj!

Vi estas mia unua amo.

Mi amas vin — jen kial vi estas al mi tiom kara! Mi amas vin — jen kial mi dolĉtrankvilas en via sino.

Kiam mi elremas sur la maron, kiam mi promenas tra la kampoj, kiam mi sidiĝas antaŭ la domo — trudiĝas al mi petolaj bildoj el mia infanaĝo.

La bildoj min ĉirkaŭsaltas, krias, turnodancas kaj ridetas — ĝis kiam ankaŭ mi aliĝas al la dancrondo — malrapide, malrapide! Dekutimiĝis mi de la rondo, petolo kaj feliĉo...

Dimanĉo. La popolo iras en la preĝejon. Antaŭe areto de petolaj, pure vestitaj infanetoj.

Kiel konataj ili ŝajnas al mi!

Kvazaŭ ni estus kune ludintaj hieraŭ!

El ĉiuj mi estis la plej obstina...

Tiu malgranda friponeto estas certe de Petro. Tiu malgranda, fiera pavino estas verŝajne de Milka.

La infanoj scivole rigardas min kaj sin demandas: Kiu mi estas? Gepatroj min rekonas, demandas pri mia farto kaj miras, ke mi estas tiom alta kaj — kvieta. Jes ja, oni malsovaĝigis min!

Mi sidiĝas. Al mi rampas infaneto, ĝuste kvarpiede. Ĝi povus jam paŝi, sed rampado ŝajnas al ĝi pli oportuna. Ĝi alridetas min!

Mia Dio, ĝi — kies rido? Ankaŭ la nigrajn, ĝojajn okulojn mi jam ie vidis. Kies do la infano? Nu, mi demandos!

»— Etulo, kiel oni vin nomas?«

»— Panjo min jojas.«

»— Do, kiel panjo nomas vin?«

»— Venu ĉi tien«.

Ho, kiel mi volus ĝin kisi!

Kial tiu ĉi idilio ne povas eterne daŭri?

## JUNAJ KAVALIROJ.

El la laŭbo aŭdiĝas rido kaj bojado de hundoj. Junaj kavaliroj matenmanĝis kaj nun ŝercas, ridas, batalstimulas du junajn dogojn unu kontraŭ la alian: en la mezon ili ĵetas oston kaj la hundoj batalas por ĝi... Mallertaj estas la hundoj. La junaj kavaliroj krevas pro rido...

La knabeto, proksimume kvarjara, alpremis sin al la enirejo de la laŭbo kaj per maltrankvilaj okuloj ilin rigardas... Nudpieda, pala, ŝirvestita li estas kaj per malsataj okuloj li glutas la restaĵojn de manĝaĵo sur la tablo.

... Kelnero alportas pelvon da nutraĵo kaj metas ĝin antaŭ la hundojn. Ili amike manĝas. La infano avide rigardas ilin. Li envias la hundojn.

Marry rimarkis la knabeton. — »Nu, nu etulo, ĉu vi ne kunhelpus manĝi?«

La etulo kapklinis, ke jes.

La infaneto tremas kaj alpaŝas pli proksimen. Li klinas sin kaj etendas la malgrandan travideblan maneton en la pelvon. La hundoj murmuras.

»Ili mordos lin«, diris Freddy.

»Kvindek guldenojn, ke ne!« aldiris Aleksandro.

»Akceptite!« konsentis la unua kaj Carry batgeste konfirmis.

## Blank-Krajna Balado

— OTON ŽUPANČIČ —

Grakas sur la blanka neĝ'
nigra korvo voje;
vojaĝanto sur montet'
iras plormalĝoje.

»Korvo nigra, tra l' kampar'
nur ne kriu brue!
Morton, morton vokas vi,
venus ĝi tro frue!

Kiu irus al preĝej'
ja en vestparado;
kiu harmonikon ja
ludus dum paŝtado?«

Sed nur kriis nigra korv',
viro rapidiris.
»Jen por fil' la sola sav'!«
kuracisto diris.

Krias, krias nigra korv' —
hejmo proksimiĝas.
Dank' al Dio! Sed, ho ve,
kio jen moviĝas?

Kaj ekkrias plore nun
viro, esper-manka.
Vidu, tie el la hejm'
iras morto blanka.

El la slovena: *Franjo Modrijan.*

La etulo denove mankaptas en la pelvon...

Aleksandro esperas gajni la veton. Ankaŭ Freddy esperas... kaj kun kia naiva strečiteco observas tiun ĉi ŝercon la noblaj, junaj kavaliroj!

Nu, ne riproĉu ilin! Freddy certe donacos al la knabeto kion li vetgajnos... Ha, kiel bonkoraj estas tiuj noblaj, junaj kavaliroj!

## LA TRANKVILA LUDANTO.

Plej ofte la homoj gajnante en la ludo ridas kaj primokas la aliajn — sed malgajnante ili koleras.

Absolute trankvilan ludanton mi ankoraŭ ne vidis, sed pri iu rakontis al mi la onklo jenon:

»Mi rigardis kiel oni ludis ĉe ruledo. Precipe min interesis unu ludanto. Kun la plej granda flegmo li gajnadis aŭ malgajnadis grandegajn sumojn.

Fine komencis lin persekuti la malfeliĉo. Ĉiu ludkarto, sur kiun li metis monon, malgajnis. Dekkvar fojojn laŭvice li metis sur la »rouge« kaj dekkvar fojojn aperis la »noir«.

Kun la plej granda trankvilo li pagas siajn malgajnojn per la maldekstra mano. La dekstran li tenas sub la jako.

Kiam li malgajnis eĉ la lastan moneron, li leviĝis senzorge kaj paŝinte al mi, li rigardis kiel la aliaj ludas — sed la dekstra mano estis ankoraŭ ĉiam subjake.

Sinjoro, mi diris al li — mi tre miras pri via trankvilo. Kiel vi povas ĉe tia malgajno esti tiel flegma?

— Flegma?! diris la ludanto malbutonumante la jakon — jen rigardu ĉi tien kaj vi vidos kiel!

— El la brusto fluis sango. Ungojn de la dekstra mano li enpikis en la bruston kvazaŭ ungegojn de akcipitro!

El la kroata: *Dada Novačić.*

# El la „Ex Ponto“

**– Ivo Andriĉ –**

Ofte mi sidas dum horoj kaj rigardas la malvarmajn kolorojn de l' aŭtuno. La trankvilo de la sorto, ne plu ŝanĝebla, glaciiĝas en mia animo kaj vizaĝo.

En mi ĉio mortinta; bone tiel.

Ne atingas min sono, mortis vidpovo de la okuloj. Ĉio restis post la pordego, kiu obtuze jetfermiĝis post mi. Mi perdis ĉion kaj mi ne plu estas la homo, sed la maltrankvila, sendorma penso, kiu dronis kaj kaŝtrankvilas sur la malproksima fundo... Kaj super mi kvazaŭ netravideblaj verdaj amasoj de akvoj: paco, malproksimo kaj forgeso.

*

Jam du tagojn oni ne elkondukas min eĉ al tiu unu nura horo da promenado, ĉar senĉese pluvétas.

Ŝajnas al mi, ke senhalte enfluas la ĉelon humido faladante sur la vizaĝon kaj manojn kiel gluema fundŝlimo. Mia kovrilo estas kruda kaj senvarma, la mangaĵo havas guston de la lada vazo kaj la ĉelo tiun nepriskribeblan haladzon de la mallarĝa spaco, en kiu unu homo spiras kaj vivas, senŝanĝe kaj sen aerumado.

Sed ĉi tie post miaj palpebroj — se mi fermetas la okulojn — vivas la tuta grandiozeco de l' vivo kaj la tuta beleco de l' mondo. Ĉio, kio nur iam tuŝis okulojn, lipojn kaj manojn miajn, ĉio estas en la konscio vivanta kaj brila sur la malluma fono de tiu ĉi sufero. Riĉeco kaj beleco de l' vivo vivas nedetrueble en mi.

Kaj nun, kiam ĉio perdita, mian animon plenigas senlima dankemo pro ĉiuj multspecaj kaj admirindaj donacoj, kiujn la vivo donas al la pli feliĉaj ol mi.

De kie nur tiu ĉi stranga sento?

Tra ĝi mi pasas kvazaŭ tra la malhele verda paco kaj odora muteco de la pinarbaro en la somera tago. Kaj mi forgesas ĉion cirkaŭ mi.

*

Kiun nun amas tiu juna virino? Tiu juna virino, kiun mi trovis iun someron bela kaj matura en aĝo de dekses jaroj, pasas — Dio scias kial — ĉimatene tra miaj sentoj.

Kiun nun amas tiu juna virino?

Iam mi trovis sur la rusa ebeno ruĝan kaj ampleksan floron: ĝia suka kaliko — etflora — proponadis en la larĝe dismetitaj petaloj siajn superkreskintajn florpistilojn al ĉiuj ventoj.

Kiun nun amas tiu juna virino?

Neniam inter ni spiniĝis vortoj (mi ja malfacile komprenadis ŝian lingvon) kaj nia interrilato neniam havis difinitan nomon. Sub la steloj mi amis ŝin ĝis laciĝo kaj ĝis la noktomezo mi kuŝadis en herbo, la kapon en ŝia sino.

Estis ŝi virino kreita por la amo kaj ŝi sindonadis mute pro pasio kaj larmokule, flustrante rompitajn vortojn pri fideleco.

Kiun nun amas tiu juna virino?

*

Ho estontaj! Infanoj liberaj, matenruĝo de nia nokto! Kiam liberaj kaj altaj domoj viaj siluetos ĉe la sama ĉielo, kiu rigardis nian suferon, honton kaj morton, neniu pensos ke tiuj potencaj fundamentoj ripozas sur niaj ostoj. La feliĉo estas ja senzorga kaj pensas nur pri la estonteco.

Kio rememorigos al vi la patrojn, pli grandajn en suferado ol en la vivbataloj?

Via vivo estos nia forgeso.

Nur en senkonscia larmo de viaj virinoj, en entuziasmo de la junuloj, revoj de l' knabinoj, nokta muziko aŭ vortoj de viaj poetoj, ekbrilos eble nur pormomente rememoro pri viaj patroj, kies vivo estis mallonga, sed la doloro grandega. Nur la plej bonaj el vi eksentos, eble, ke el la ĉiutagaj okazaĵoj vipas, kvazaŭ vento, la senfina ĉagreno de l' mortintaj kaj mutaj vivoj, vivintaj kaj mortintaj por vi, ho estontaj!

*

Malbonaj pensoj kaj nigraj antaŭsentoj de la melankoliulo havas sian teruran precizecon, kiel ajn ili ŝajnu al la sana homo absurdaj kaj neprecizaj.

La melankoliuloj estas kvazaŭ tremolo, tremanta eĉ tiam, kiam aliaj arboj ne sentas bloveton. Kiel la aktoro, starante ankoraŭ post kuliso, ĵetas sian ombron sur la scenejon tiel aperas okazontaĵoj en la sonĝoj kaj antaŭsentoj de la melankoliulo.

Ĉe la sana homo la centro de l' pensado estas la vivo kaj ĝiaj demandoj, sed ĉe melankoliuloj: la morto kaj ĝiaj misteroj. Ili suferas pro hipertrofio de la animo. Ili estas kvazaŭ nuda limako ĵetita de la petolaj infanoj en dornaron. Kuntiriĝas la limako kaj konvulsias, sed kien ajn ĝi sin movas, pikiĝas ĝi sur la dornon. La melankoliuloj estas viva disonanco de tiu ĉi batalema kaj kruda planedo.

*

En nenio tiel evidentiĝas la absurdeco de la hodiaŭa socio, kiel kiam temas pri pano kaj virino.

Kaj ĝuste tio, ke en la demandoj aranĝantaj tiujn du fundamentajn kondiĉojn la homa vivteno regas tia malordo kaj maljusteco, estas pruvo ke la socio ne kuraceble malsanas.

*

Ho Dio, scianta ĉion kio okazas, ne helpas al mi kaŝi, ke venas momentoj, kiam mi parolas kun Vi per la malpura lingvo de tiu ĉi tero. Mi parolas jene:

Ho Dio, kial vi donis al mi la koron tirantan senĉese al la malproksimo kaj beleco de la neviditaj regionoj? Kial Vi faris, ke mia feliĉo estadas ĉiam tie, kie mi forestas?

Por kio al mi tiu ĉi terura donaco: amo al luksemo, ĝuo kaj ŝanĝo? Por kio la eterna flamo de l' sanĝiĝema koro? Por kio entuziasmoj pentoplenaj kaj sin venĝontaj?

Ho Dio, kial la tuta penado de eterne soifa kaj eterne konscia: mi?

*

Diru al mi, kie ekzistas la amo?! Diru al mi, kien mi kuru for de la malbono, diru kien mi rifuĝu for de la malamo?!

Kvazaŭ girlando el flamo jen ĉirkaŭ mi la malamo; ĉu ekzistas loko por la animo super la steloj? Ĉu ekzistas luma momento de ripozo? Ĉu ekzistas alta pura loko, kien ne atingas la teruro de l' tero?

Mi kompatas la homon.

El la kroata: *Jean d' Agrève.*

* Ex ponto = el malliberejo.

# Duma

## Fragmento el la poemo

– OTON ĴUPANĈIĈ –

Kanton mi aŭdis, ĝi estis vira voĉ',
kiu sonis kiel respond' al voĉo virina;
tremon mi sentis de l' kor en kanta reson'.

Kanto de viro, respond' al kanto ina:

Meze de kampoj la kanton sonigas vi pri verdaĵ',
vento, branĉoj kaj herbo, kanton pri l' sun' sur herbejo,
kanton pri ondo kuranta kaj ondo sen mov',
pri arĝentita kaj orumita ondej' —
pri rivereto kaj pri grenkamp'.

»Kiel rubando kunligas vilaĝojn la kampa strat';
inter tegmentoj leviĝas la preĝej',
vivon de hom' sub si observe vidas ĝi,
tempon, laboron al li dividas ĝi.
Domoj, fenestroj nur estas malgrandaj, diant' de l' fenestroj
verde dependas sur muroj, ruĝe ŝaŭmanta
akvofal' en la sun' —
signo al preterpasantaj junuloj dum tag',
signo sekreta por nokt' —«
kantas vi: tukojn kolorajn nur ŝatas via okul',
sanajn, brunajn vangojn, ridon el buŝo brilanta,
gestojn mallertajn kaj embarasitajn de l' hom' sur kampar';
plaĉas al viaj oreloj abruptaj malbenoj,
forta komparo — estus dukato por vi.

Meze de kampoj la kanton sonigas vi pri verdaĵ,
ĝojinvitante:

»Kverkoj gigantaj jen staras post kampoj, kun ventoj luktante,
sonĝoj centjaraj balancas la suprojn en bru' malproksima,
ĉiuprintempa kreskaĵ' aŭskultas sekretojn pasintajn;
sed en fremdlando vi vivas kun peza anim'
rozo kun rozoj mi estas; sed intermiksita —
preterirante, el ili ne reekkonus vi min!«

Meze de kampoj la kanton sonigas vi pri verdaĵ',
vokas, invitas
min al kamparo.

Jen fiero mia levas sin' kante nun,
kaj respondas al via kant', vin ne timante nun.
Kontraŭkantas mi mian kanton de la urb',
kanton pri domo ĉe domo kaj paŝoj de l' hom' rapidanta,
brakoj, ritme levantaj ŝtonojn kaj trunkojn sur strat',
pri la trajn', trairanta la mondon laŭ takt',
pri riverego, portanta kun ĝojo ŝarĝajojn,
pri fadenoj, irantaj de nordo al sudo,
de okcidento al oriento zumante.
(Ĉe la stang' telegrafa ofte mi haltas:
kantas senĉese, sen mov', kuriero, servon farante,
ĝi murmurante mallaŭte kondukas sciigojn antaŭen —
same la kor' de poeto prikantas liajn ideojn
forrapidantajn per tempo elektra el kap'.)

Ĉu ie estas sufoka fremdland'?
Kiel ĉe mi vidis patrinojn maldormi ĉe la lulil',
palpe serĉadis infanoj la lakton de la mam';
viroj batalis akre por sia viv',
fortaj, rigidaj,
kaj por la amo; sola nur estis mi;
pelis la sang' al batal'
kaj pasi';
teron mi vidis, teranon sur propra bieno,
kara al li, kiel nia bien' al ni;
mi rigardadis teron — kaj bela ĝi estis
kaj same aminda kiel nia ter';
domon mi vidis ĉe strato, eniris mi ĝin vojaĝanto —
vino kaj pano jen estis kaj vorto amika,
eĉ pli plaĉa ol vino kaj pano,
En la ondego de urbo mi estis ond',
forte sonis pulsado de mia kor',
milobligite, potence en la takt';
vivon eniris, la novan, anim' kamparana,
kor laciĝinta eksentis la flamon je nova kred'.
Fruntojn mi vidis: jen kvazaŭ testudoj rampus sub haŭto
sed pro pensad' tiel dissoviĝis ĝi nur;
vangojn mi vidis: kun sulkoj por sem' de la estontec';
servis la manoj al la maŝin',
sed dum vespero ekbrilis la frunto fulgonigra
kaj okulo rigardis pejzaĝojn en brila rond',
revis maltime, revis pri estontec',
sekvis la gestojn vivajn de orator',
al la estonta ĝi kredis generaci'...

El Manĉurio venis batala kri',
ĝis al Parizo eĥis centoble ĝi.
Vidis skulptilon mi de la skulptist': kun am'
kise ĝi tuŝis blankajon de la marmor',
formon modelis facile el kruda rok',
vivo timeme ekspiris en la skulptaĵ.
Kaj la pensulo: nur leĝojn skribadis li,
ne al teranoj — nur astrojn observis li,
malharmonion li trovis en univers',
jen novan mondon postulis la kalkulad',
»Estu«! li diris — malkovris la mondon la nokt'...

Vejnoj de l' vivo kunvenas tie ĉi,
vojoj el mond' kruciĝas jen tie ĉi,
mi ilin amas, la urbojn kun brua vigleco,
vojojn al la libereco kaj al la estonteco.

— — — — — — — — — — — — —

El la slovena: *Fran Modrijan.*

# Ni vivas kiel la kolomboj

— Julio Baghy —

*Rolantoj:*

ZAZA KORK, *la* edzino....

HUGO KORK, *ŝia* edzo....

MAKS NIKS, la *»ma'nova«*....

La INFANO rolas ne ĉiam mute, tamen statiste.

Tempo: hieraŭ aŭ morgaŭ, nur ne hodiaŭ.

Loko: kie ajn, nur ne en la urbo, kie oni prezentas la komedion.

Scenejo: ĉambro kun sofo kaj infanveturilo, kun du pordoj kaj kun ceteraj bagatelaĵoj, nepre necesaj por la kolomba kunvivado.

## Unua sceno

*ZAZA kaj KORK.*

*HUGO serpentumadas sur la planko, purigas la pargeton per broso kaj viŝtuko, ŝvitas, sed silentas. Ĉe lia orelo malbonodoras estingita cigaredo. Sur liaj piedoj koketas riĉe broditaj pantofloj):* Terrrure! Tiu ĉi aĉa terebintodoro tiel tikle tordas... tiel tikle tordas mian na-na-na- *(Terno.)* -zon!... De kie vi prenis la ideon, ke ni frotadu la pargeton per terebinto?

*ZAZA kuŝas sur la sofo, en la dekstra mano tenas libron kaj legas. Ŝia maldekstra mano ripozas sur la infanveturilo. Ŝiajn kisindajn orelojn kovras radioaŭdiloj.):* Ho, belega, mirinde belega!

*HUGO:* Kio? Ĉu la libro, ĉu la radio-programo aŭ la pargeto?

*ZAZA:* Pri kio vi parolas, Hugo kara?

*HUGO (iom pli laŭte):* Mi demandis, kio estas belega?

*ZAZA:* Ĉio kune! La dolĉa melodio de la orienta muziko akcelas la plenan iluzion pri *»Panĉa-tantra«*... Ho, la kulturo, la kulturo, Hugo!

*HUGO (post ioma pripensado):* Ĉu panĉatantra? En mia infanaĝo oni nomis tian muzikon ĉindarassabumbumbum... Hja, la tempoj alternas.

*ZAZA (iom altigante la tonon):* Pri kio vi ĉindarasssas?

*HUGO:* Nu, pri tiu ĵazbando, kiun vi aŭskultas.

*ZAZA (martirmiene):* »Pan-ĉa-tant-ra«, Hugo kara, »Panĉa-tantra«! Vere, vi havas tre malvastan horizonton.

*HUGO:* Kiel tiu panĉadrata aŭ panĉadrassa koncernas mian horizonton?

*ZAZA:* Hugo kara, vi devus multe legi. Finfine miaj amikoj kompatos min pro vi.

*HUGO (tute milde):* Ĉu vi bonvolus diri al mi, kiu purigos la pargeton per tiu ĉi putorodora terebinto, se ankaŭ mi legos kaj aŭskultos la panĉadrasson de la radio-programo?

*ZAZA (ironie):* Mi devas informi vin, ke la *»Panĉatantra«* havas nenian interrilaton al la Radio. La »Panĉatantra« ne estas muziko, Hugo kara, sed ĝi estas libro, mondfama libro, perlo de la hinda literaturo. Tiu libro, kiun nun mi legas. Jen!

*HUGO (infane ekridas):* Mi pensis ĝin fokstroto. Kial vi ne diris tuj, kio ĝi estas?

*ZAZA:* Feliĉe, ke neniu el miaj amikinoj ĉeestis. Prezentu al vi la honton! Kion ŝi estus pensinta pri vi kaj precipe pri mi, kiu ligis sin al tia viro, kiu ne konas eĉ la titolojn de la mondliteraturaj klasikaĵoj!

*HUGO:* Vere, granda malfeliĉo.

*ZAZA (temperamente):* Ĉu? Jen la danko! Ĉu tion mi meritis?

*HUGO:*-Miskompreno!!! Mi diris, vere, granda malfeliĉo, ke mi ne konas la titolojn de la klasikaĵoj.

*ZAZA (dorloteme):* Sed vi povus koni ilin, Hugo kara. Nu, ne malesperu! Mi instruos vin. Mi faros iun el vi. Aŭskultu! »Panĉa-tantra« signifas *librokvino* kaj ĝi estas tiel konata verko en oriento, kiel la Biblio...

*HUGO (tute naive):* Kvino... Kvino... Kion signifas »Kvino«?

*ZAZA:* Kvin libroj, Hugo kara, kvin libroj. Ĉu vi komprenas?

*HUGO:* Interese! Kvin libroj kaj nur unu mi vidas en via mano.

*ZAZA:* Sed en tiu ĉi unu estas kvin libroj. La kvin libroj kune formas la verkon »Panĉa-tantra«.

*HUGO (kun sincera ĝojo):* Jen, jen, vidu! Mi estas prava. Kvin libroj kune povas esti nur »literatura ĵazbando«.

*ZAZA (incitite rigardas lin, poste ŝi turnas sin for de li):* Verdire, vi jam estus povinta fini tiun brosadon. Ĉu dum la tuta posttagmezo vi volas fari nur tion? Iomete vi povus dividi kun mi la hejmajn zorgojn. Vi scias ja, ke mi estas elĉerpita. Antaŭ monatoj la akuŝo, poste la zorgoj pri la infano. Vi scias ja, ke mi vivas nur por nia bebo kaj por vi kaj tiu malbenita kontoro... Ĉiutage kvar horojn en la kontoro kaj poste duonhoron skuiĝi en la elektra vagono. Ĉu vi pensas, ke miaj nervoj estas el ferŝnuro? Mirinde, ke mi ankoraŭ vivas...

*HUGO (senvorte brosadas, momente haltas en la laboro, prenas la cigaredon avide rigardas ĝin, prenas alumeton, time palpebrumas al la edzino, profunde ekĝemas kaj remetas la cigaredon al la orelo, la alumeton en la poŝon):* Nu, poste en la kuirejo.

*ZAZA (subite ekkubutas):* Hugo, ĉu vi iam aŭdis pri la Fratoj Karamazov?

*HUGO:* Ne! Neniam!

*ZAZA (insiste):* Ĉu vi konas Onklinon Betty?

*HUGO:* Ĉu vi pensas pri la edzino de la vickortisto? Mi konas ŝin. Kial?

*ZAZA (post longa rigardo ekploras):* Dio, Dio, kiel malfeliĉa mi estas!

*HUGO (embarasite rigardas ŝin, poste leviĝas):* Kial vi ploras? Mi ne komprenas... Vere, mi ne imagis pri vi, ke vi supozus tian aferon pri mia... tian... tian... kaj kun nia vickortistino... Ah!

*ZAZA (incitite):* Hugo, Hugo kara! Ni parolas pri libroj, pri mondfamaj libroj.

*HUGO:* Nu, bone, sed kian rilaton havas nia vickortistino al la mondfamaj libroj?

*ZAZA (aplombe):* Ĉar »Onklino Betty« estas mondfama verko.

*HUGO:* Ĉu? *(ridante)* Hehehe! La edzino de nia vickortisto estas mondfama verko. Pardonu, kara, sed mi ne sciis tion.

*ZAZA:* Ne pri la vickortistino temas, sed pri la mondfama verko de Balzac. Ĝia titolo estas Onklino Betty. Nu! Kaj mi oferis mian junan vivon por tia viro... por tia viro *(ŝi ekploras)*. Ho, mi malfeliĉa! Ho, kiom da intelektuloj estis ravitaj kaj inspiritaj de mi kaj nun vi... nun...

*HUGO (pardonpete):* Sed, Zaza kara, ne ekscitiĝu! Mi ja faris nenion por... *(Li klinas sin por kisi ŝin)*

*ZAZA:* Pfiii! Kia tabakodoro! Denove vi fumis. Vi volas veneni la aeron kaj poste vi miros, ke nia bebo ne grasiĝas laŭ la normo de la samaĝaj infanoj.

*HUGO (senkulpigante sin):* Nur duoncigaredon... ne en la ĉambro, sed en la kuirejo... jam antaŭ ol vi venis...

*ZAZA:* Ho, tiu fumado via forprenas la duonon de mia vivo. Mi ŝparas, mi metas moneron al monero, mi ne elspezas, kvankam nun mi havus rajton, ĉar mi estas ja edzino, eĉ panakiranta edzino, mi

laborgajnas la trioblon de via salajro kaj tamen... Jes, vi forfumas la tutan monon de la familio.

*HUGO:* Ĉiusemajne nur paketo da plej ordinara tabako...

*ZAZA:* Ne protestu! Vi scias, ke la kuracisto malpermesis al mi multe paroli kaj ekscitiĝi. Vi scias ja, ke mia koro...
*(LA INFANO energie kaj plenpulme ekploras en la veturilo.)*

*HUGO:* La bebo ploras.

*ZAZA:* Mi aŭdas. Nu, jen, en tia animstato mi nutru mian feliĉon! Vi scias ja, se la infano ricevas ekscititan lakton, la rezulto estas ventrodoloro kaj...

*HUGO:* Kaj pli da vindtukoj. Mi scias. Sed, Zaza kara, ne ekscitiĝu, mi faris nenion malbonan. Hodiaŭ vi havas kaprican humoron.

*ZAZA (ion. movas la veturilon, la INFANO eksilentas):* Vere, en tia stato mi ne povas riski la sanon de la bebo. Venu, kaj dormigu la infanon!

*HUGO (obeeme):* Jes... sed la pargeto...

*ZAZA:* Nu, lasu tiun pargeton! Cetere la terebinto malbone efikas je miaj nervoj.

*HUGO:* Vi diris, kara, ke per terebinto mi...

*ZAZA:* Jes, mi diris, sed mi ne diris, ke vi faru tiam, kiam mi estas hejme. Vi ne havas takton! Vi malŝparas la tempon per fumado en la kuirejo. Hugo, Hugo, vi ne meritas mian delikatan virinan sinoferon!

*HUGO (embarasite gratas sian verton, poste ekkaŭras por daŭrigi la brosadon.)*
*(Paŭzo. Hugo serpentumadas sur la pargeto. Zaza flankenpuŝas la libron, demetas la radio-aŭdilojn kaj kaŭre eksidas sur la sofo. Ŝi rigardas antaŭ si, poste al Hugo. Ŝia mieno sereniĝas.)*

*ZAZA:* Ho, Hugo, vi ne povas taksi min laŭvalore!

*HUGO:* Ĉu mi?... Vi eraras. Mi bone komprenas vin.

*ZAZA:* Ni povus vivi kiel la kolomboj, ĉiam kverante, ĉiam kisante, sed vi...

*HUGO:* Mi ja volis kisi vin, sed vidante, ke vi havas malbonan humoron mia kuraĝo forvaporiĝis. Mi volis kisi vin, sed...

*ZAZA:* Sed ne ĝustatempe. Jen, vi ne havas takton por senti la ĝustan momenton. Ekzemple nun... nun, kiam mi vidas vin serpentumadi sur la planko kaj mi vidas, ke vi tiel sindoneme zorgas pri nia nesto, nun mi estas kortuŝita kaj... kaj...

*HUGO (luktas kontraŭ la terno):* Malbenita terebinto! Te-te-te- *(li ternas)* terure ĝi tiklas la nazon.

*ZAZA (kun rezigna patoso):* Mi parolas pri turtovivo kaj li ternas.

*HUGO (pardonpete):* Sed, kara, vi ja devus kompreni, ke tiu ĉi terebintodoro... Nu, ne estu kaprica! Cetere oni ankoraŭ ne enkondukis la terebinton en la idiliajn aferojn. *(Li leviĝas kaj ame proksimiĝas al Zaza)* Verdire mi ne scias, de kie vi prenis la ideon pri la terebinto. Ĉu ĝi...

*ZAZA:* Lasu la terebinton! *(Ŝi rigardas lin kaj ridetas)* Vere estas amuze! Ĉu sen viŝtuko kaj broso vi ne povas kisadi? Vidu, ne mi, sed vi volas enkonduki la terebinton en la... en la... *(Ŝia rigardo trafas la pantoflojn de Hugo. Ŝia voĉo tuj esprimas konsterniĝon)* Hugo! Hugo, la novaj pantofloj!! Nur tiel vi taksas mian kristnaskan donacon, ke vi uzas ĝin dum plankopurigado. Ĉu? Broditajn pantoflojn, kies prezo superas tiun de mia nova ĉapelo, vi taksas nur tiel. Ĉu?

*HUGO (humile):* La malnovaj jam taŭgas por nenio. Ili estas plenaj de truoj. Cetere mi ne deziras akiri nazkataron, precipe en la nuna epidemia sezono. Diru al mi, por kio oni bezonas pantoflojn, se ne por la hejma uzado?

*ZAZA:* Hugo, Hugo, mankas el vi eĉ tiu minimuma romantikeco, kiu nepre estas necesa por fari la vivon tolerebla. Nek takton, nek fantazion vi havas. Kion, kion, do kion havas vi?!
*(Paŭzeto. Hugo pente rigardas antaŭ sin, ŝtele okulumas al Zaza, poste demetinte la pantoflojn ekiras por daŭrigi la brosadon)*

*ZAZA (en tiu ĉi momento laŭte ekploras.)*

*HUGO (iom surprizite):* Kio denove?

*ZAZA:* Nenio kaj ĉiam la sama. Vane mi komencas paroli al vi, neniam vi respondas. Vi neglektas min. Jen ankaŭ nun, kiam mi estas kortuŝita de via boneco kaj mi dezirus montri al vi mian zorgemon pri vi, vi turnas vin for de mi kaj vi ofendas min.

*HUGO:* Ĉuuuu? Per kio?

*ZAZA:* Jen, vi demetis la pantoflojn por altrudi la respondecon al mi pri via nazkataro.

*HUGO:* Tute ne, kara! Sed finfine kion fari?

*ZAZA:* Ĉu ĉiam mi devas instrui vin kion fari? Anstataŭ grumbli...

*HUGO:* Mi ja ne grumblas.

*ZAZA:* Anstataŭ grumbli vi devus veni al mi kaj enprofundiĝi en mian animon, diveni miajn sentojn, iom karesadi la harojn, doni poezion al la ĉiutaga prozo. Jes! Anstataŭ silenti dum la pargetbrosado vi devus diri tiajn frazojn, kiuj plibeligas tiun ordinaran laboron kaj vekus en mi tiun koran varmon, en kiu la komuna vivo fariĝas ridoplena, iluzia kaj kolomba.

*HUGO:* Mi ne estas poeto kaj mi kuraĝus veti, ke ne ekzistas tia poeto, kiun inspirus la terebintodoro kaj la pargetbrosado. Kion diri? La pargeto brilas kiel viaj okuloj, aŭ viaj okuloj brilas kiel la pargeto. Ĉu? Kaj pri la terebinto... Kion pri la terebinto?

*ZAZA:* Ne moku! Jes, ekzistas frazoj en la amanta koro, inspirita de la terebinto kaj brosado. Ekzemple, jen, rigardu »edzinet«, nia hejmo estos dometo de gekolomboj; ĉu vi sentas, ke mi faras ĉion por vi, nur por vi! Kaj tiel plu... Ne parolu! Mi konas viajn respondojn! Certe vi dirus, ke la gekolomboj ne havas pargetitan plankon kaj la virkolombo faras tute alian aferon por plaĉi al sia parulino. Sed kial vi ne faras? Kial? Ĉar vi estas dormema urso, Hugo kara, kiu ne konas kaj ne volas koni la misterojn de la virina animo.

*HUGO (milde ridetante rigardas al Zaza):* Ĉu vi deziras, ke mi kisu vin?

*ZAZA:* Kial vi demandas? Vi devus profiti mian kortuŝitecon.

*HUGO (senbrue metas la broson sur la plankon kaj kun sincera bonkora amo proksimiĝas al Zaza):* Mi pensis, ke vi havas malbonan humoron. Vi scias ja, ke mi tre... tre...
*(Ekstera sonorigado)* Iu sonorigis... Kaj ĝuste nun! Diable!

*ZAZA:* Nu, rigardu, kiu?

*HUGO (ekiras al la kuireja pordo):* Kaj ĝuste nun!... Certe iu el viaj amikoj.

*ZAZA:* Atendu momenton! Prenu viajn pantoflojn, kaŝu la viŝilon kaj la broson en la kuirejo. Nu rapidu! Ne! Atendu momenton! Donu la kolonjan akvon! Ĝi estas en la dormoĉambro sur la noktoŝranko.

*HUGO (kuras en la dormoĉambron, tuj revenas kun la ŝprucbotelelo, metas ĝin sur la tablon, prenas la broson kaj viŝilon):* Kaj ĝuste nun! *(Ekstera sonorigo plilonga)* Tuj! Tuj! *(Ekiras al la kuireja pordo)*

*ZAZA (salte leviĝas, ordigas siajn harojn kaj veston):* Rapidu, sed retenu la vizitanton por momento. Tiu ĉi terura terebinto...

*HUGO (forirante):* Mi diris ja al vi, sed vi ne volis kredi. *(Li foriras)*

*ZAZA (rapide agas. Ŝi ŝprucas kolonjan akvon en la aeron, malvolvas la tapiŝon kaj rulmetas ĝin sur la plankon, sidiĝas al la veturilo kaj kun patrina pozo klinas sin super la Infano.)*
*(Paralele okazas: sonorigado kaj la suba ekstera dialogo)*

*HUGO:* Tuj, tuj!... Bonvolu!

# La edzino de agao Hassan

## Popolbalado

Kio blankas sur la monto verda?
Ĉu ĝi estas neĝo do, aŭ cignoj?
Se ĝi estus neĝ' jam ĝi degelus,
Ekflugintaj estus jam la cignoj.
Ĝi ne estas neĝo kaj ne cignoj,
Sed la tendo de agao Hassan.

Li malsanas de pezegaj vundoj,
Lin patrino kaj fratin' vizitas.
La edzino pro la hont' ne povis.

Kiam liaj vundoj jam mildiĝis,
Li sciigas al edzin' fidela:
»Ne atendu min en la kastelo,
Nek kastele plu, nek ĉe la miaj!«

Kompreninte vortojn sinjorino
Dronas, dronas en ĉi pens' mizera,
Ĉevalheno sonis ĉe l' kastelo.
Kaj ekkuris againo Hassan
Por sin jeti tra l' kastelfenestro.
Post ŝi kuras ŝiaj du filinoj.
»Panjo, panjo, ho revenu, kara,
Ja ne patro, la agao Hassan,
Onklo venis, bejo Pintoroviĉ!
Kaj revenis againo Hassan
Kaj ĉe l' kolo onklon ĉirkaŭprenas:
»Jes, ho frato, granda estas honto,
De kvin idoj ke li min forpelas.«

Bej' silentas, li nenion diras,
Sole prenas el la poŝo silka
Kaj prezentas skribon de disiĝo,
Ke ŝi prenu sian doton tutan
Kaj reiru kun li al patrino.

Kompreninte tion sinjorino,
Al du filoj ŝi la frunton kisis,
Rozajn vangojn de la du filinoj,
Kaj de l' filo ĉarma en lulilo
Sin disigi ŝi neniel povis.
Sed la onklo prenis ŝin ĉe l'-mano,
De l' fileto pene ŝin disigis
Kaj ŝin metas al si sur ĉevalon
Kun ŝi migras al la blanka hejmo.

Ĉe la siaj ŝi mallonge restis,
Mallongtempe, eĉ ne dum semajno,
Sinjorino bona kaj bongenta,
Sinjorinon bonan multaj svatas,
La kadio de Imocki pleje.

Sinjorino petas sian fraton:
»Mi petegas vin, ho kara frato,
Al neniu ja min edzinigu,
Ke ne krevu mia kor' mizera,
Rigardante georfetojn miajn.

Sed neniom ŝin la bej' aŭskultis,
Donas ŝin al Imocki-kadio.
Plue petis sinjorin' la fraton,
Ke li skribu la leteron blankan,
Sendu ĝin al Imocki-kadio:
»Vin salutas bele sinjorino,
Kaj vin bele en letero petas,
Kolektinte nuptovirojn, portu
Longan ŝalon al la sinjorino,
Ke ŝi preter domo de l' agao
Ne ekvidu georfetojn siajn.

Al kadio venis la letero,
Li kolektis tuj la nuptovirojn,
Ili iras al la sinjorino.

Bone venis la edziĝfestantoj,
Bone kun la sinjorin' revenis.

Preterire ĉe l' aga-kastelo
Du filinoj tra fenestr' rigardis,
Kaj du filoj antaŭ ŝin elvenis
Kaj parolis al patrino sia:
»Ho revenu al ni, panjo kara,
Por ke al vi ni tagmanĝon donu!«

Ĝin aŭdante againo Hassan,
Al la estro edziĝfesta diris:
Frat' laŭ Dio, estro edziĝfesta,
La ĉevalojn ĉe l' kastel' haltigu,
L' orfojn etajn ke mi pridonacu.

Kun ĉevaloj ili apudhaltis,
Ŝi la idojn pridonacis bele;
Siajn filojn per tranĉil' orita,
La filinojn per tolaĵo longa,
Al fileto ĉarma en lulilo
Ŝi en tuko sendis vestaĵetojn.
Ĝin rigardas la agao Hassan
Kaj du filojn siajn li alvokas:
»Idoj miaj, tien ĉi alvenu,
Se vin etajn kompatindajn orfojn
Ne kompatas la patrin' ŝtonkora!«

Ĝin aŭdante againo Hassan
Sin al tero jetis blankvizaĝe,
Tuj disiĝis de animo sia
Pro l' aflikto, rigardante orfojn.

En la serba: *Fran Janjič.*

*MAKS:* Pardonon pro la ĝeno!... Ĉu sinjorino Kork estas hejme?

*HUGO:* Jes, jes,... bonvolu enpaŝi!... Demetu la palton! Jes, tien!

*MAKS:* Nenecese. Por kelkaj momentoj mi venis.

*HUGO:* Nu, tamen... tamen... Jes, tien. Tiu pendilo estas por la gastoj.
*(Li malfermas la pordon kaj ŝovas sian kapon)* Ĉu permesate?... Zaza, iu sinjoro... Bonvolu, sinjoro! *(Li malfermas la pordon kaj ĝentile montras la eniron)*

*ZAZA (rekonas la voĉon de la vizitanto dum la dialogo. Ŝi paliĝas kaj apenaŭ povas kaŝi sian ekscitiĝon. En la momento, kiam Maks paŝas en la ĉambron ŝi profundo klinas sin al la Infano):* Mia bebo, mia vivo, mia trezoro... Nu, ridetu!... Panjo lulos vin, panjo kantos al vi.

## Dua sceno

*ZAZA, HUGO kaj MAKS*

*MAKS (enpaŝas. Li estas tipo de la elegante vestitaj artistoj. Liaj movoj kaj gestoj montras lin temperamenta kaj lia parolmaniero estas senĝena kun nuanco de konstanta ironio. Li havas edzan ringon):* Respektplenan saluton, sinjorina moŝto! *(Li ne proponas manon, nek mankisas.)*

*ZAZA (por kaŝi sian embarason tro ĝoje akceptas lin):* Ah, vi, la perdita ŝafido! Kia agrabla surprizo!!

*MAKS:* Ĉuuu?... Nu, egale! Preterpasante la domon mi mi ne povis kontraŭstari al la deziro viziti vin, sinjorina moŝto. Espereble vi fartas bone? Ĉu ne?

*ZAZA (kun pliiĝanta embaraso):* Jes... jes... Oni diris, ke longdaŭre vi forestis el la lando. Ĉu?... Eksidu!... Hugo, seĝon!

*MAKS:* Dankon, ne longe mi restos... Oni atendas min en la Ekspozicia Komitato.
*(kun ironia flato):* Sinjorino, vi aspektas belega. Je mia honora vorto, vi plibeliĝis. Nu, jes, kompreneble! *(Li rigardas la veturileton)* Jes, jes... Kiu estus pensinta, ke tiel baldaŭ vi fariĝos patrineto? *(Longe li rigardas al la okuloj de Zaza)* Nu, tamen ne tre surprize! *(Ironie)* Kiu havas edzon, tiu povas havi eĉ infanon. Estas tute laŭregule.

*ZAZA (kun altrudita rideto):* Jes, jes... kaj mia bebo estas tre bela.

*MAKS.* Mi ne dubas pri tio. *(Li paŝas al la veturilo por rigardi la infanon)* Vere, via bebo estas ĉarma, tre ĉarma. Ĉu knabo aŭ knabino?

*HUGO:* Knabino, eta kokcinelo, nia anĝeleto.

*MAKS (kvazaŭ neglektante la ĉeeston de la edzo, ironie ridetas al la Infano):* Strange, vere tre strange! Kia okulfrapa simileco! La bebo mirinde similas al *sia* patro.

*HUGO (modeste):* Mi estas la patro.

*MAKS (turnas sin al li. Rideto. Pardonpeta, sed pika tono kies akreco celas trafi la virinon):* Pardonon! Mi eraris. La bebo ne similas al *la* patro. *(Paŭzeto. Okulludo inter Maks kaj Zaza)* Do, sinjoro, vi estas la edzo. Ĉu?... Mil pardonojn, sed via kostumo...

*ZAZA (senkulpige):* Hugo estas tiel modesta. Ofte mi riproĉas lin pro lia vestmaniero. La vizitantoj kelkfoje povas erari.

*MAKS (prezentas sian manon al Hugo):* Maks Niks, pentroartisto.

*HUGO (ĝojmiene):* Ah, do ankaŭ vi laboras kun terebinto... Mi tre ĝojas. Mi estas Hugo Kork, oficisto ĉe la Ŝtata Ŝaladministracio.

*MAKS:* Populara oficejo en nia lando, eĉ tro populara por esti serioze konsiderebla.

*HUGO (gaje):* Jes, jes! Kiam oni volas ĝentile esprimi la »iru al la diablo«-n, oni sendas la plendanton al la saloficejo. La plej supra instanco de la nenifarebleco estas la saloficejo. Sed kion fari? La homoj ŝatas ŝercadi.

*MAKS:* Espereble via edzina moŝto ekzilis tiun frazon el sia hejmo. Ĉu?

*ZAZA (flate proksimiĝas al Hugo kaj ĉirkaŭprenas lin):* Ni vivas kiel la kolomboj. Ĉu ne, Hugo? De mateno ĝis vespero ni kveras kaj...

*HUGO (ridante):* kaj kverelas.

*ZAZA (kun troa vigleco):* Hugo estas tre ŝercema. Li estas la plej bona homo en la mondo. Li estas tiel mola, kiel la butero.

*MAKS:* Mi ne dubas pri tio. Unuavide oni povas konstati tion. *(Post ĉirkaŭrigardo)* Ĉarman hejmon vi havas, sinjorino. Ĝuste tian, pri kia vi ĉiam revadis. *(Li ekzamenas perfingre la kovrilon de la sofo)* Belega speco, delikata materialo.

*HUGO:* Donaco de ŝia ĉefo okaze de nia geedziĝo.

*MAKS (kun malica rideto rigardas ŝin):* Ĉuuu?... Ĉie regas delikata gusto. Ekzemple, tiu moderna lustro, tiu moderna lustro...

*HUGO:* Donaco de la edzino de ŝia ĉefo okaze de nia geedziĝo.

*MAKS:* Admirinda donaco. Ĝi absolute konvenas al via kolombejo. Nu, kaj tiu granda staranta horloĝo... Ĝi certe havas sonorilludon. Ĉu?

*HUGO:* Ne, sed tamen ĝi batas la horkvaronojn kaj la horojn. Cetere ĝi estas donaco de fratino de la ĉefo okaze de nia geedziĝo.

*MAKS (kun troa entuziasmo):* La koroj en tiu familio estas el oro, el pura oro.

*ZAZA (nerve):* Hugo kara, mi petas vin, bonvolu porti la infanon en la alian ĉambron. Vi scias ja... Eble la bebo...

*HUGO (servoprete):* Jes, jes!... Pardonu, sinjoro, sed la patra devo vokas min. *(Li paŝas al la veturilo. Dume unu el liaj pantofloj falas)* Nu, etulino, ni ekiru! Paĉjo rigardos vin, paĉjo donos al vi puran... Jes, Zaza, ĉu la infanpudro...?

*ZAZA (tute nerve):* Sur la noktoŝranko. Sed iru! Eble la bebo jam suferas.

*HUGO (al la infano):* Sed paĉjo ne lasos ŝin longe suferi... Paĉjo rigardos sian trezoron... Zaza, Zaza! Rigardu, kiel ĉarme ŝi ridetas al mi!

*MAKS (rimarkas la falintan pantoflon kaj levas ĝin):* Sinjoro, via pantoflo... Ĉu ankaŭ ĝi estas donaco de la bonkora famlio de la ĉefo?

*HUGO (ridetante):* Ho, kiel vi povas pensi tion! Ĝi estas donaco de mia edzino.

*MAKS:* Okaze de via geedziĝo. Simbolo de la kolomba vivo.

*HUGO (surmetas la pantoflon):* Bela paro, ĉu ne? Bedaŭrinde ĝi estas iom vasta kaj malhelpas min en la irado.

*MAKS:* Mi ne dubas pri tio.

*ZAZA (tute perdinte la paciencon):* Hugo, la bebo certe suferas.

*HUGO:* Tuj, tuj! *(Dum foriro)* Mia bebo ne suferos longe. Paĉjo donos al ŝi puran vindon, freŝan vindon kaj pufff! per la pudrujo kaj... Nu, Zaza, rigardu kiel ŝi ridetas al la paĉjo! *(Li kun la veturilo foriras en la dormoĉambron.)*

## Tria sceno

*ZAZA, MAKS kaj kelkfoje ĝenas ilin HUGO*

*ZAZA (atentas la fermon de la pordo. Post malapero de Hugo ŝi proksimiĝas al Maks. Ŝia mieno respegulas sindefendon):* Kial vi venis? Kiel vi kuraĝis veni al mi?

*MAKS (trankvile):* Ah, kia akra tono! Verdire mi ne scias, ĉu ĝi estas oficiala konsterniĝo de junedzino aŭ spontanea helpkrio de freŝe bakita virto.

*ZAZA (pli akre, pli nerve):* Ni ne ludu kun vortoj! Diru tuj, kial vi venis?

MAKS *(ridetante):* Mi ja diris, ke preterpasante la domon mi ne povis kontraŭstari al la deziro...

ZAZA *(senpacience):* Kial vi venis? Mi volas scii. Ĉiu via vorto pikas min.

MAKS: Mi ne dubas pri tio.

ZAZA: Ĉu vi venis nur por ofendi min?

MAKS: Ĉi ja scias, ke...

ZAZA: Ne ciadu!

MAKS *(ironie):* Pardonu, sinjorina moŝto! Mi forgesis, ke ni ne estas plu unu por la alia la samaj kiel antaŭe... Do vi scivolas pri la celo de mia surpriza vizito. Ĉu? Nu, la celo estas simpla societa konvenaĵo. Mi venis por respektplene inviti vin kaj vian edzon al la morgaŭa malfermo de la Printempa Ekspozicio en la Moderna Galerio.

ZAZA: Ne mensogu! Mi sentas kaj mi legas alian celon el viaj okuloj.

MAKS *(kun ironia trankvilo):* Tute ne estas ĝentile esti tiel nekredema. *(Li prenas sian poŝpaperujon kaj serĉas en ĝi)* Permesu, ke mi transdonu honoran bileton por vi ambaŭ!... Nu, kie?... Ah, jen! Bonvolu! *(Li propone prezentas la invitilon)*

ZAZA *(ne etendas la manon al* ĝi): Por mi vi vane penadis. Min ne interesas la Moderna Galerio.

MAKS *(emfaze):* Eble vin ne interesas nun, sed poste... Ankaŭ mi ekspozicios mian novan pentraĵon.

ZAZA: Certe vi havos sukceson kiel ĉiam.

MAKS *(malice ridetante):* Mi esperas... Ne sole sukceson mi esperas, sed ion pli, ion sensacie konsternan, ion eksterordinaran.

ZAZA: Ne vidinte la bildon, permesu tamen, ke mi gratulu!

MAKS: Sinjorino, ne dece gratuli al si mem.

ZAZA *(mire):* Mi ne komprenas vin.

MAKS *(trankvile):* Nu, la eksterordinara kaj konsterna sukceso apartenos ne nur al mi, sed ĉefe al vi, sinjorina moŝto.

ZAZA *(maltrankvile):* Pri kio vi aludas? Kian rilaton mi povas havi al via sukceso?

MAKS: Kian rilaton? Kiel mi esprimu por ne esti miskomprenata? Nu, sinjorina moŝto, vi bonvolis esti mia inspiranta muzo... jes, muzo, sinjorina moŝto... Ne, ne! Mi eraris en la esprimo. Ne muzo, nur modelo, nur simpla modelo, sed...

ZAZA *(kun larĝe malfermitaj okuloj rigardas lin):* Parolu klare! Mi ne komprenas vin, sed mi sentas, ke vi teksis reton por mi.

MAKS: Ĉu reton? Ne! Verdire mi konspiris iomete kun mia muzo, sed... vi ja diris, ke ne interesas vin la tuta afero. Eble nun ne, sed morgaŭ tiom pli!

ZAZA *(postule):* Parolu klare! Mi volas scii ĉion! Mi ne scias, kion vi preparis por mi, sed mi sentas, ke malamiko transpaŝis mian sojlon. Venĝemo kondukis vin al mi.

MAKS Ne uzu bombastajn vortojn! Simple, mi venis por kvitigi mian konton.

ZAZA: Ni ne ŝuldas unu al alia. Ni likvidis nian aferon per la forbruligado de niaj leteroj. Vi ne havas plu rajton enmiksiĝi en mian vivon. Mi havas edzon.

MAKS *(impertinente):* Ĉu ankaŭ *tia* estas edzo? Pardonon! Mi deziris diri: *ankaŭ tia* estas edzo.

ZAZA: Ne insultu lin! Li faris nenion malbonan al vi.

MAKS: Vi estas prava. Maljusta mi estis. Li estas tiel fidema, tiel honesta, tiel humila, kiel... kiel povas esti nur senspina oficisto de la Ŝtata Saladministrejo.

ZAZA: Ne ĉiu povas esti — pentroartisto.

MAKS: Tute trafe! Eĉ nun ni estas tro multaj.
*(Momenta paŭzo. Maks kun malica rideto observas la baraktadon de Zaza. De ekstere sonas obtuze la voĉo de Hugo, parolanta al la Infano: »Tuj, tuj, mia bebo!... Paĉjo ordigos ĉion.«)*

ZAZA: Nu?!... Por kio vi atendas?... Mi pensas, ke estus plej prudente, se nun vi forirus. Mi senkulpigos vin ĉe mia edzo.

## ŜUKO

### — JOVAN DUĈIĈ —

En la larĝa ombro de l' palmventumilo
Kuŝas bela Naksis. Super Nil, tagmezas.
Hirundaroj ĉirpas. En la arda brilo
Tra l' aero silko flugas kaj karesas.

Nil'antikva, verda, laca, sufokspira,
Pasas for malvigle. Fajran polvon lulas
Super urb' malnova la tagmez' trankvila.
Pro l' pasi' volupta, juna, ĉio brulas.

Dum tagmez' pasia de l' somero mita
Naksis duonnuda nun pri Izos revas.
Foje tuŝas branĉojn ŝi, volupt-ekscita:
Jen, tra l' tuta bosko ruĝaj floroj krevas.

El la serba: *K. Kalocsay.*

---

MAKS *(cinike ekridas):* Bonege! Ĉu vi opinias, ke estis facile por mi veni ĉi tien? Mi povas aserti, ke ne estis facile... Permesu, ke mi eksidu en via, en via *kolombejo! (Li eksidas)*

ZAZA: Kion vi volas de mi?

MAKS: De vi — nenion. Absolute nenion. Mi venis por retrankviliĝi, mi venis por retrovi mian animan ekvilibron *(Li perdas sian ironian tonon.)* En la vivo estas okazaĵoj, kiujn oni ne povas forgesi. Ili konstante incitas nian fantazion, maltrankviligas nin kaj ili kreas en ni internan devigon por fari ion, jes, por fari ion, eble ion bagatelan, eble ion skandalan. Se ni ne obeas al tiu ĉi interna tiranismo, ĝi detruas nian tutan vivon... Nu, tia aŭ simila sento devigis min viziti vin. Mi venis por pagi.

ZAZA *(time rigardas lin):* Ĉu por pagi? Sed por kio?

MAKS *(amare):* Por kio? Por la multjaraj suferoj, por la iluzioj, ĵetitaj en la koton, por mia detruita kredo pri la Bono, por la larmoj de mia edzino, kiu martire turmentiĝis dum jaroj pro vi, pro tia... tia...

HUGO *(rapide envenas, kaŝas post sia dorso la malpurajn vindojn):* Tuj, etulino! Tuj revenos la paĉjo!... Pardonu, la bebo...

MAKS: Ne ĝenu vin! Ankaŭ mi estas patro.

HUGO *(kun videbla ĝojo):* Ĉu? Nu, mi vere ĝojas... Mi jam pensis, ke vi estas... Sed pardonu, la bebo... *(Li forrapidas en la kuirejon)*

ZAZA *(timotreme):* Freneze!... Kion vi volas fari?

MAKS *(malice):* Nenion pli ol ekspozicii mian novan pentraĵon.

ZAZA: Do tiu bildo... tiu nova bildo...

MAKS: Kiel mi vidas, ĝi interesas vin. Almenaŭ ĝi komencas veki vian interesiĝon. Nu bone! Sciu do, ke ne ekzistos tia homo, kiu ne rekonos nin ambaŭ sur tiu bildo. Al la pilorio, jes, al la pilorio mi metis vin kun mi mem.

ZAZA *(kun time malfermitaj okuloj):* Frenezulo!

HUGO *(revenas kun freŝaj vindoj en la mano):* Pardonu, mi volas demandi ion... Ĉar vi estas ja patro, certe vi scias. Kion oni faras, kiam la infano havas ventrodoloron?

MAKS *(iom embarasite):* Kion? Ah, jes! Oni masaĝas la ventreton de maldekstre dekstren.

HUGO: Dankon! De maldekstre dekstren. Kompreneble nur delikate, tre delikate kaj per vaselino. Ĉu?

MAKS: Oni povas ankaŭ per vaselino.

*HUGO:* Dankon, dankon! Ofte la spertoj de gepatroj valoras pli ol la konsiloj de freŝe bakitaj kuracistoj. Ĉu? Pardonu, sed la bebo... *(Li forkuras en la dormoĉambron.)*

*ZAZA (paŝas al Maks, longe rigardas al liaj okuloj):* Maks, ci ne faros tion, ci ne povas esti tiel maljusta.

*MAKS (seke):* Ne ciadu!

*ZAZA:* Frenezulo!

*MAKS (amare):* Egale kiel vi nomas min. Mi decidis kaj la bildo, »La etburĝa demono« elokvente parolos anstataŭ mi. Ho, tiu figuro abomeninde similas al vi kaj oni rekonos vin. Viaj gekonatoj fingre montros al vi kaj via edzo... nu, li havos la saman turmenton, kiun havis mia edzino pro vi.

*ZAZA (time retiriĝas):* Maks, mi ne rekonas vin. Ĉu vi volas kompromiti min? Ĉu vi volas skandalon? Mi ne scias, kion prezentas tiu bildo, sed ĝi estas mensoga, jes, mensoga! Vi scias plejbone, ke neniam mi donis min al vi, neniam mi estis via amatino, neniam...

*MAKS:* Ne, sed dum jaroj vi mensogis vin la mia. Mi volas pagi!

*HUGO (aperas en la kadro de la pordo):* Pardonon pro la interrompo! Mi forgesis, ĉu de dekstre maldekstren aŭ de maldekstre dekstren?

*MAKS (embarasite):* Mi ne komprenas, kion vi deziras.

*HUGO:* Nu, temas pri la masaĝo de la ventreto.

*MAKS:* Ah, jes! De maldekstre dekstren... Sed ankaŭ la kamomil-infuzaĵo bone utilas. Kompreneble, ne varmege!

*HUGO:* Dankon! Do de maldekstre dekstren kaj delikate. *(Li foriras. Longminuta paŭzo. Maks kaj Zaza rigardas unu la alian. Maks iom nerve prenas cigaredujon, malfermas kaj fermas ĝin, turnas sian rigardon al la lustro. Zaza senmove observas lin)*

*ZAZA (milde, iom mire):* Maks, mi ne sciis, ke vi eĉ nun tiel amas min.

*MAKS (amare ridante):* Mi? Ĉu mi? Vi eraras, Zaza.

*ZAZA (persiste):* Do, ni diru, vi malamas min. Egale! La amo kaj malamo estas ĝemeloj. Ili ambaŭ havas samajn trajtojn kaj arogas samajn rajtojn. Ili volas direkti aŭ detrui la vivon de alia homo.

*MAKS (flame):* Mi abomenas vin. Kontentigon mi volas por mi pro viaj mensogoj, pro la primokita sento de mia koro.

*ZAZA (milde):* Kiel maljusta vi estas, Maks, maljusta, kiel ĉiam, kiam vi ne volis juĝi objektive. *(Ŝi proksimiĝas al Maks)* Jen, mi konfesas, ke nun, en tiu ĉi momento mi ĝojas pro via vizito. Nun ŝajnas ankaŭ al mi, ke io restis nekvitigita inter ni... Sed kio? Jen la demando.

*MAKS:* Ĉu vi ne volas kompreni min? Vi mensogis, kvankam neniam mi devigis vin fari tion. Mi deziris nur amikecon kaj sincerecon. Mi donis al vi plenan liberecon, mi ne katenis vin al mi.

*ZAZA (amare, sed milde):* Amikecon kaj sincerecon! Sed vi ne vidis tiun kormuelan sopiron, kiu velkigis mian junecon. Ĉu ne tiel estis? Ho, vi tre bone sciis tion, sed vi estis malkuraĝa, jes, malkuraĝa kaj senkulpigis vin per via devo.

*MAKS:* Do nun vi atakas kaj akuzas. Ĉu?

*ZAZA (eksidas kontraŭ Maks):* Ne! Mi nur konstatas... Dum jaroj mi staris ĉe via flanko, mi disipis miajn plej belajn jarojn, knabinajn revojn por vi, mi partoprenis en viaj laboroj kaj zorgoj. Kion mi ricevis rekompence? Almozminutojn. Efemeran ĝojon, ŝtelitan de alia virino. Neniam vi povis esti tute la mia. Vi deklamis grandajn vortojn, parafrazojn pri via amo, sed neniam vi forgesis ripetadi pri via devo. Ĉu vi pensas, ke mi ne baraktis sub la ŝarĝo de tiu suferplena amo? Ĉu vi pensas, ke ne ĉiutage mi devis marĉandi kun la Vivo por povi persisti kaj sinofere toleri la mokan rideton de miaj gekonatoj... Sed kial? Vi scias la respondon, kvankam en tiu ĉi momento vi hontas konfesi ĝin.

*MAKS (iom kortuŝite):* Mi ne hontas. Mi kredis, ke ne sole flata arlekenado de katino estis en via sento.

*ZAZA (amare ridas):* Flata arlekenado de katino, jen via preferata frazo. Vane vi neas, nun vi mem sentas, ke sole mia amo kaj mia fido al vi subtenis min en la interna batalo. Mi kredis, ke ankaŭ vi amas min kaj iam vekiĝos en vi la forta decidkapabla viro, kiu solvos la inferan dilemon... Mi suferis, terure suferis, sed ĉion mi kaŝis sub rideton por ne torturi ankaŭ vin... *(Ŝi eklarmas)* Vi nomis min ja »printempa rideto« kaj mi sentis mia devo rideti kaj ĉiam rideti, peli for la nubojn, doni al vi inspiron por la laboro, teni forte vian manon, kiam la pesimismo nebuligis vian klaran vidon. Mi estis la via, tute la via, sed vi estis tro malkuraĝa rimarki tion.

*MAKS (hezite):* Kial vi ne estis sincera al mi? Kial vi ne diris, ke ni disiĝu amike? Kial vi aranĝis tiun hontindan komedion, tiun abomenindan ludon tie dum la balo? Pro kio?

*ZAZA (post ioma paŭzo):* Pro kio?... Pro vi. Jes, pro vi, ĉar mi sentis, ke via amo fariĝis nura devo kaj sole pro egoismo vi kroĉiĝas al mi.

*MAKS (tro energie por kaŝi, ke nun ŝi trafis la veron):* Mensogo! Ne tiel estis.

*ZAZA (kun triumfa tono):* Sed jes, tiel okazis, tiel estis, vane vi neas nun pro malfrua pento. Kial vi ne revenis al mi la postan tagon aŭ post semajno aŭ tiam, kiam mi mem provis proksimiĝi al vi. Ho, ne la ofendita vanteco estis la sola kaŭzo.

*MAKS (energie):* Mensogo, mensogo! Ĉion vi faris pro tio, ĉar vi opiniis, ke tiu ekzotika fremdulo, en kies sinon preskaŭ vi enkubutis dum la balo, estos kaptebla per via rideto, per via babilema ĉarmo. Fi! Ne amo gvidis viajn paŝojn. Kio? Nura vanteco. Ne ĉiutagan viron vi aspiris. Pro troa ambicio vi volis fariĝi Sinjorino Iu kaj ne Sinjorino Neniu. Via eksperimento fiaskis. Jes, kaj post tio vi klopodis reveni al mi, al la naiva revemulo, metita en rezervon. Jen tiel estis!

*(De ekstere aŭdiĝas lulkanto de Hugo. Ĝi ne estas tro laŭta kaj ĝiaj vortoj ne estas distingeblaj por ne malhelpi la dialogon.)*

*ZAZA:* Nu, se eĉ tio estus la vero, ĉu tio ne estas pardoninda? Vi estus povinta kompreni, ke mi ne volas velki sen amo.

*MAKS (subite ekflamiĝas):* Sen amo! Ĉu sen amo? Kaj tion vi kuraĝas diri al miaj okuloj. Ĉu vi pensas, ke mi estis blinda kaj mi ne vidis vian aman manovradon? Ho, mi tre bone vidis ĉion, sed mi estis scivola, ĝis kiam vi riskas ludi vian aĉan komedion.

*ZAZA (kun larmoj kaj milda riproĉo):* Ne estu maljusta, Maks! Rigardu al miaj larmoj kaj...

*MAKS:* Ehh, viaj larmoj! Per videblaj larmoj trompas la virino.

*ZAZA (sentimente):* Kaj pro la nevideblaj ŝi mem velkiĝas.

*MAKS:* Lasu la aforizmojn al la literaturistoj. Nun ni estas du homoj, kiujn la sorto kunligis, la reala vivo.

*ZAZA:* Sed vi estis tiu, kiu disŝiris la kuntenantan fadenon. Vane mi skribis, vane mi klopodis proksimiĝi al vi. Mia momenta ŝanceliĝo donis bonan pretekston al vi por akre tranĉi la nodon de la amikeco. Vane mi atendis vin kaj la malespero faris min malforta. Mi sentis min orfigita kaj tiam... tiam venis tiu ĉi bona homo, mia edzo. Li eksidis apud mi, parolis nenion, nur prenis mian manon kaj rigardis min... li nur rigardis kaj rigardis...

*MAKS (ironie):* Tre romantike! Se mi ne konus vin tiel bone, mi kredus al viaj vortoj, sed... sed... Cetere mi gratulas al vi pro la sukcesa eksperimento, per kiu ĝustatempe vi fiŝkaptis vian edzon.

*ZAZA (indigne):* Ho, kiel mi abomenas vin, viroj! Vi ĉiuj estas egoistaj kaj nur egoistaj. Unu pro malkuraĝo, la alia pro negocemo, la tria...

*MAKS (kun mokema riverenco):* Mi dankas je la nomo de mia sekso. La unua estas mi, la dua... Nu, ankaŭ lin mi konas. Sed nun vi devus esti tre feliĉa. Via edzo estas bona, modesta, humila, kolomba, turta... kiel... kiel ia patrinbesto. *(Ekstere ĉesas la kantado de Hugo. Zaza ekstaras kaj iras al la sofo.)*

*ZAZA (dolore, rezigne):* Jes, li estas bona, tre bona. Vane vi mokas lin *(Ŝi eksidas sur la sofon).* Li estas bona pro egoismo. Boneco, kiu ĉiam plenumas niajn dezirojn, pardonas ĉion, iom post iom fariĝas kateno kaj faras nin malkuraĝaj.

*MAKS (triumfe kaj verve):* Ĉio en ordo! Jen la kontentigo, de la Vivo mem. Do ankaŭ vi sentas la liberminacan potencon de la Boneco, ankaŭ vi fariĝis malkuraĝa, ankaŭ vi sentas la katenojn de la devo. Hahaha! La kolomba vivo kiel devo!! La vivo ripetas la situaciojn. Nun, jes, nun aklamas mia turmentita animo, ĉar la sorto ĵetis vin tien, kie la samaj flamoj brulvundas vian koron, pri kies ekzistoj vi ne kredis, kiam ili torturis mian animon... Feliĉe, ke por vi restis la orkora ĉefo.

*ZAZA (energie protestas):* Vi eraras. Rilato kutima inter labordonanto kaj dungito.

*MAKS (jaluze):* Mi bone konas tiun kutiman interrilaton.

*ZAZA (kiel supre):* Freneza, vi... vi, freneza! Vi pensas, ke...

*MAKS:* Mi ne pensas, sed mi scias. La orkora ĉefo ekzistas nur en la fabeloj de la palaj tipistinoj.

*ZAZA:* Mi ĵuras je mia...

*MAKS:* Ne ĵuru, false vi ĵurus! Nur blindulo kaj via edzo ne vidas, ke la infano...

*ZAZA (raŭke pro ekscitiĝo):* For! For el mia domo! Mi ne toleras viajn suspektojn.

*MAKS (furioze, sed kun sordinita tono):* Ne, ne, ne! Mi venis pagi! Ĉi, ĉi »etburĝa demono«. Oni rekonos vin sur la bildo. Mi mem montros ĝin al via edzo. Mi malfermos liajn okulojn. Mi elŝiros vin el lia koro, el la simpatio de tiu ĉi hipokrita socio, mi ĵetos vin tien, kien vi ĵetis mian koron, mian talenton, mian inspiritecon. Mi... mi...

*(Ek tera infanplorado)*

*ZAZA (preskaŭ transformiĝis dum la parolo de Maks. Ŝia rigardo ardas de interna ĝojo. La vortoj apenaŭ povas kaŝi la esperon, kiu promesas rompi la unutonecon de ŝia vivo):* Faru do, kion vi volas! Frakasu mian nunan vivon, vundu ĝis morto la koron de homo, kiu kulpis nenion kontraŭ vi, metu nin ambaŭ al la pilorio, sed sciu, ke oni kondamnos ne min, sed vin, sole vin... Mi ne defendos min. Ne! Sed poste... Kio venos poste?

*MAKS (sinforgese):* Egale!

*ZAZA (triumfe):* Nun vi perfidis vin, Maks! Ĉu egale? Do bone, ankaŭ por mi estas egale...

*MAKS (furore):* Ho, kiel mi abomenas vin, kiel... *(Li ekstaras minace)*

*(Fino sekvos)*

---

# Pledo por literatura organizo

**— Ludoviko Totsche —**

Ni vivas la epokon de organizitaj movadoj, de organizita (eĉ, ni konfesu, jam kelkfoje troregulita) socia vivo. Iom post iom la individueco preskaŭ tute perdas sian kvalitan pezon kaj la apartaj energioj de l' izolitaj unuoj povas valoriĝi nur per la helpo de la *kvanto:* per la unucela klopodo de la unuigitaj fortoj. Ke tiu ĉi fenomeno estas ĝenerale valida specialaĵo de l' epoko, el sub kies efiko neniu povas sin tute liberigi, tion pruvas la surpriza fakto, ke tiu ĉi tendenco montras sin ankaŭ ĉe la verkistoj, kiuj — se ili estas artistoj en la vera senco de l' vorto, kaj ne industriistoj de la nurporamuza »literaturo« — estas denature ekstremaj kontraŭuloj al ĉiu unuformiga kaj mekanikiga direkto. La verkisto, eĉ se li konfesus la plej kolektivistajn ideojn, ne povas rezigni pri sia individua koncepto rilate al tiuj ĉi ideoj, pri sia individua esprimmaniero, per kiu li prezentas sian koncepton. Tia rezigno kondukus al certa morto de ĉiu pure artista klopodo. Kaj tamen ni vidas, ke la verkistoj sin organizas. Temas ne nur pri landaj societoj, destinitaj por defendi la materiajn interesojn de la anoj, sed ankaŭ pri internaciaj organizaĵoj, kiuj celas, per la forto de l' spirito, akceli la materian kaj precipe la animan progreson de l' homa kulturo. (Ekz. PEN klubo). Ĉu estas ĉi tie ia kontraŭdiro? Tute ne! Kvankam estas vere, ke apenaŭ oni povas trovi du verkistojn, kies priliteraturaj opinioj identus en ĉio, kvankam estas vere, ke por vera verkisto la spirita sendependeco estas nepra kondiĉo de la literatura agado, tamen oni povas trovi bazon, sur kiu la plej diverĝantaj verkistoj povus harmonie kunlabori: prosperigo de l' komunaj ekonomiaj interesoj kaj klopodo al la tamen sama celo: al la antaŭenigo de la homa kulturo.

La esp-istaj verkistoj ankoraŭ ne havas organizajon. La ELA ĉesis ekzisti post agado, kiu konsistis ĉefe el laŭda menciado de ĉiu meze bonstila libro; la Lingva Komitato kun la Akademio estas kaj restas nia ĉefa konserva organo prilingva, sed ĝi ne povas plenumi la taskojn de pure literatura organizaĵo. Ankaŭ ĝia kunmeto ne destinas ĝin al tiaj taskoj: pri literaturaj aferoj tamen la plej kompetentaj estas mem la verkistoj, la enmiksiĝo de eksteraj faktoroj kaŭzus nur konfuzon; krome signifa parto de la aktivaj verkistoj ne anas al la Lingva Komitato. Do restas la solvo: fondo de aparta, sendependa literaturo societo. Sed oni certe demandas, kiuj estas la gravaj taskoj, necesigantaj apartan literaturan organizaĵon? Permesu, ke mi prezentu al vi ilin tute mallonge; mi ne intencas doni ellaboritan planon, sole skizan bazon, laŭ kiu la pli precizaj konturoj de la organizo povos formiĝi dum la postaj pritraktadoj, se la verkistoj kaj la publiko emas favore akcepti la aferon... Do jen mia demando, al la esp-istaj verkistoj kaj literatur-amikoj: ĉu vi volas, ke en la Esp-a movado ekzistu sendependa, vivkapabla literatura societo, kies taskoj estus:

kunigo de la izolite laborantaj junaj kaj modernaj esp-istaj verkistoj, gardado pri la spiritaj kaj ekonomiaj interesoj de la verkistoj, ilia reciproka pliproksimigo kaj interkonatigo,

organizo de la literatura vivo per reciprokaj konsiloj, eldono de libroj, reklamado, elekto de gravaj tradukindaj verkoj, aranĝo de literaturaj festoj,

helpo al junaj kaj talentaj verkistoj per morala kaj materiala subteno,

helpo al la evoluo de la Esp-a lingvo ĝis la plej alta grado de literatura perfekteco,

helpo al la plialtigo de la artista kaj intelekta nivelo de la Esp-a literaturo ĝis ĝia egalranĝiĝo kun la naciaj literaturoj,

konscia laboro por pliprofundigo de la rilato inter publiko kaj verkistoj, helpo al la popularigo de la Esp-a libro.

Ĉu ne sufiĉe por efektiva laboro? Mi pensas, ĉiu plua klarigo estus superflua, pri la detaloj ni povos intertraktadi, se ni jam decidis pri la ĉefaĵo; pri la fondo de tia societo.

La literaturo rilatas al la lingvo, kiel la karno al la skeleto. Sed en Esperanto la literaturo signifas ilin ambaŭ. El la cent kaj cent lingvoprojektoj Esperanton ellevis kaj savis por la eterno nur ĝia literaturo... Ĉu estus neŝanĝeble, ke la Esp-a literaturo vivu plu kaj ĉiam la nunan amorfan, neorganizitan vivon?



# OBSERVO

## OTON JUPANĈIĈ.

En la kultura vivo de Jugoslavujo okupas la slovenoj (sur la teritorio de Drava »banusejo«) apartan lokon, antaŭ ĉio pro la propra literatura lingvo kaj kiel mallarĝa ĉenero en la mezeŭropa kultura sfero. Ilia literaturo ekprosperis en la 19-a jarcento; la unua presita libro aperis jam en la 16-a jarcento dum la protestantismo, kiu metis la fundamenton al la lingva kaj literatura evoluoj. En la tempo de Napoleon parto de l' slovena teritorio apartenis al Francujo, kio favore influis la plifortigon de l' nacia konscio. En la unua duono de la 19-a jarcento superas ĉiujn slovenajn aŭtorojn Francisko Preŝern, la poeto de l' samtempa eŭropa formato. Ĉe la fino de la 19-a jarcento penetris en la slovenan literaturon la influo de l' okcidenta naturalismo preskaŭ samtempe kun la influoj de l' franca simbolismo kaj de la dekadenca literaturo. En la kuniĝo de tiuj influoj kun la enlanda hejmeca spirito, enradikiĝinta en la tradicio, evoluis la moderna slovena literaturo, kiu donis du kreintojn de speciale slovena tipo: la noveliston Johanon Cankar kaj la lirikiston Oton-on Jupanĉiĉ. Ili ambaŭ dum la lasta tempo eniris la mondliteraturon.

La poeto de »Duma«, de la plej bela lirika slovena poemo, kies versoj, indaj de W. Whitman kaj E. Verhaeren, pentras la doloron kaj sopiron de slovena animo, — Oton Jupanĉiĉ, naskiĝis la 23-an de januaro 1878. en Vinica, en la regiono nomata »Bela Krajina« (Blanka Krajno). Ĉi tie alproksimiĝas kaj kunfandiĝas la slovena kaj kroata popola kaj kultura tipoj. Oton Jupanĉiĉ studis en la universitato de Vieno, li vivis kelkan tempon en fremdlando, precipe en Parizo; nuntempe li estas intendanto de l' slovena teatro en Ljubljana. En la jaroj 1899—1924 li eldonis 8 kolektojn de lirikaj poemoj kaj tragedion en versoj. Li tradukis en la slovenan lingvon multajn unuarangajn verkojn el la mondliteraturo; precipe sukcesis liaj tradukoj de Shakespeare, la plej bonaj en la slava sudo. Oton Jupanĉiĉ estas ĝenerale rekonata kiel unu el la plej grandaj jugoslavaj poetoj.

Pri lia laboro ekzistas multaj studaj traktaĵoj en fremdaj lingvoj. Arturo Cronio eldonis en la jaro 1928 en »Instituto per l' Eŭropa Orientale« longan monografion En la ampleksa libro »Oton Joupantschitsch, poèt slovène« (Paris 1931) traktas lian vivon kaj verkojn la universitata profesoro en Strasbourgh Lucien Tesnière. En tiu ĉi libro aperis en la traduko ankaŭ granda parto de poeziaĵoj, inter aliaj ankaŭ »Duma«. La itala traduko de »Duma« (Italo Maffei kaj Fanny Ŝinkovec—Mayer) aperis en Modena en la jaro 1924. La germana kritikisto dro. Otto Forst Bataglia (Jahrbücher für Kultur und Geschichte der Slaven, 1931) juĝas pri Jupanĉiĉ kiel pri unu el la plej grandaj eŭropaj poetoj, samvalora al Claudel, Stefano George, Valèry kaj al d' Annunzio.

*B. Borko.*

DRAGUTIN DOMJANIĈ. La poeto estas unu el la plej grandaj kroataj lirikistoj ankoraŭ vivantaj. Temperamente melankolia, revema, amanto de la soleco, li sentas la mondon nur kiel la »vanan sopiron«. Nura rezignemo ŝajnas al li la sorto. Domjaniĉ kun rompita koro ploras la forpasemon de ĉio, ankaŭ de la homoj, kiuj forbrulas senrevene... La virinon li rigardas romantike, metas ŝin en la barokan ĉirkaŭaĵon, kun gobelenoj, paĝioj, balkonoj inter rezedoj, aleoj kaj fontanoj. Tiel lia liriko akiras trubaduran melankolion kaj ĉarmon. La vortoj estas portantoj de la »agordoj«, tremantaj movoj de l' pentrista peniko, muzikaj arpeĝoj. De tiu artismo apartiĝas bukedo da poemoj, en kiun la poeto elspiris sian »blankan animon« konfesante la senŝancan amsopiron. Ne ekzistas en la tuta kroata liriko pli diskreta, nek pli profunda, analizo de la amo. Liaj »simpatiatoj« estas Heine, Verlaine, Maeterlinck, Gogolj, Dostojevski, Nadson, Puŝkin, Ljermontov.

### Ventego

— Hendrik Adamson —

Pluvetas, pluvas, pluvegas,
de ŝtonoj faladas torent',
kuretas, kuras, kuregas,
spiretas, spiras, spiregas,
per dentoj klakadas la vent'.

Arbetoj, arboj, arbegoj
kliniĝis ĝis la herb'
tremetoj, tremoj, tremegoj,
ĝemetoj, ĝemoj, ĝemegoj
penetras ĝis ost' kaj cerb'.

VOJISLAV ILIĈ PLI JUNA. Samnomano de la majstro de verso Vojislav Iliĉ. Li estas konsiderata unu el la plej bonaj vivantaj lirikaj serbaj poetoj. La »Poŝtveturilo« priskribas lian revenon en la lokon kie li mortigis sian malfidelan edzinon. Tiu akcidento stimulis lin skribi sincerajn kaj dolorplenajn lirikajn poemojn.

*S. B.*

FRAN MAJURANIĈ. Naskiĝis en la familio, kiu donis plej eminentajn poetojn kaj scienculojn. Jam en la frua aĝo li komencis verkadon per spritaj skizetoj, kolektitaj poste sub la titolo: »Foliaro«. La formo de tiuj »poemoj en prozo« estas pruntita de Turgenjev. Jen doloro, jen profundaj meditoj, elvokitaj de sufero, mordanta pro la alia kristaliĝis en literaturaj perloj. La tutan kolekton uverturas antaŭparole la vortoj de Turgenjev: »Nur ne legu la leganto ĉion je unu fojo, ĉar — verŝajne — pro enuo la libro falus el la mano. Oni legu ĉiun skizeton aparte: hodiaŭ unu, morgaŭ la alian... Eble de iu folio gutos io en la animon...«

IVO ANDRIĈ. La verkisto aperis sur la literatura kampo jam antaŭ la mondmilito, kvankam li estis ankoraŭ junuleto. Dum la milito li estis — en la aĝo de 22 jaroj — jetita en la malliberejon kiel suspektita ŝtatperfidulo. Tie en mallumo kaj frosto de la vintraj vesperoj ŝpiniĝis »EX PONTO«, la verko, plena de ĉaste pura poezio, nur tie kaj tie vualita de la malhela melankolio. Sentiĝas influo de Kierkegaard, Nietzsche, Pascal. Nur pli pasia, pli bolema kaj ribela li ŝajnas ol ili, ĉar li — preskaŭ infano — jam spertis tragedion de la vivo. Poste, kiam li forlasis la malliberejon kaj komencis la normalan vivbatalon, li verkis belegajn »bosniajn rakontojn«, kie per riĉaj koloroj li bildigas spiron de la oriento, inundata perforte de la okcidenta civilizemo.

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikigas interesajn kontraŭopiniojn, koncernantajn i jn aperintajn recenzojn. — La libroj, ĉi tie menciataj k j recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

---

TRANS LA FABELOCEANO. Originalaj noveloj de Francisko Szilágyi. Volumo 136 paĝa kun 15 ilustrajoj sur peza senligna papero. Formato 20×13.5 cm. Kun dukolora ŝirmkovrilo. Eldonis Literatura Mondo, Budapest IX. Mester-utca 53. V. 7. Prezo broŝurita 0.60 dolaroj, bindita 1.— dolaroj. Aldonu 10% por sendkostoj.

Ĉu estis, ĉu ne estis, eble trans la Fabelmaro de hodiaŭa Eŭropo, estis Esperantista recenzisto, loĝanta en Londono. Necesas mencii, ke li ankaŭ faris aliajn laborojn, de tute honesta speco, sed fakto restas, ke li estis Esperantista recenzisto. Ankoraŭ pli fabelece estas, ke li kutimis legi preskaŭ ĉiun verkon, antaŭ ol recenzi ĝin, nur kelkfoje li trovis iun verkon nelegebla, kaj memoris, ke ne necesas manĝi ovon ĝisfine, por konstati ĉu ĝi estas freŝa, freŝeta, aŭ jam antikva.

Kaj en iu mateno la Esperantista recenzisto vekiĝis pro la forta frapo de la leterportisto je lia domporđo. Kaj li pensis al si: »Do, jen pakajo por kiu la letertruo ne sufiĉas — tio certe estos io agrabla«. Kaj li ree endormiĝis por duonhoro, kontenta pro scio ke plezuriga pakaĵo atendos lin je matenmanĝo.

Sed kiam li venis en la manĝĉambron li ne trovis agrablan pakajon, li trovis libron en internacia lingvo, kaj subite li rememoris, ke li estas Esperantista recenzisto, kaj ne tia normala homo, al kiu oni sendas agrablajn pakajojn. Li do provis la efikon de du tasoj da teo, kaj legis en la matena jurnalo pri pluraj murdoj, naciaj revolucioj, kaj virinaj modoj.

Finfine, tamen, li ekrigardis la libron, kaj trovis la bindon tre plaĉa. Post tio, lian atenton kaptis la multaj desegnajoj, de trafa kvalito, hodiaŭa speco, kontrastantaj kun la mornaj malaktualajoj kiuj maiornamas multe da libroj en la moderna lingvo. Kaj ĉar li ne havis urĝan laboron antaŭ si, li komencis legi la klarajn litertipojn.

La rezulto estis, ke li trovis sin leganta paĝon post paĝo, kun konstanta intereso kaj sufiĉe da ridoj pro la pikaj ŝercoj kaj la ŝercaj pikoj. Kaj fine li trovis, ke li legis la verkon ĝisfine, sen konscia penado tion fari.

Sed venis la penso, ke li ne estas ordinara homo, kiu rajtas legi libron kun plezuro, kaj poste forgesi pri ĝi. Li estas Esperantista recenzisto, kiu devas kiali, kaj kieli, kaj prii, kaj opinii, en tiom da vortoj. Li do komencis cerbumi, kion li skribu pri la verko, kaj li komencis per frazoj pri »lertaj fabeloj«, »modernigitaj infanrakontoj« kaj »flua stilo«. Poste li provis meti la verkon en skolon, sed ne povis pensi al skolo kiu inkluzivus ĝin. Sekvis peno fari komparon kun iu alia aŭtoro de Esperanto, sed li ne povis pensi pri alia aŭtoro de Esperanto kiu faris same distrajn kaj samtempe ne senprofundajn skizojn. Estis terure. Kion oni opinios pri li, se li ne metos la verkon en iun skolon, ne faros ian trafan komparon? Oni taksis lin nekompetenta. Li sopiris pri la frua epoko de nia literaturo, kiam sufiĉis konstati ke iu verko estas gramatike bona, kaj laŭdi ĝin nur tial ke ĝi estas verkita en Esperanto. »Nia talenta samideano vere riĉigis nian literaturon« — tiutempe tia kliŝajo por ĉiuj verkoj sufiĉis.

La Esperantista recenzisto do faris tre simplan aferon: li skribis nur sian ordinaran opinion — ke la verko estas interesa, distra, flustila, ne profunda, ne senprofunda. Poste li denove legis en ĝi, ĉi tiun fojon ne kiel recenzisto, sed kiel ordinara homo.

Sed tio, ke recenzisto legas libron pro propra plezuro, tio estas jam tro fabeleca.

*K. R. C. Sturmer.*

LA PENTROARTO EN LA MALNOVA HUNGARUJO. Verkis dr. *István Genthon*, tradukis dro *Francisko Szilágyi*. Eldonis Literatura Mondo Budapest. Formato 25×17 cm. Okdek paĝoj da teksto kaj 96 paĝoj da bildoj. Duonlede bindita. Prezo 3.— dolaroj + 10% por sendkostoj.

La historioscienco havas periodojn, kiam ĝi favoras iun tendencon kaj tiel estas kompreneble, ke ĝi havas ankaŭ kulpajn forgesojn. Ankaŭ la grandega monografio de dr. István Genthon forigas tian kulpon de la hungara historiscienco kaj per tio pagas ŝuldon ĝis nun nekvitita ne nur al la hungara nacio sed al ĉiuj kulturnacioj.

Lia verko, kiu ekde la komenco de la hungara pentroarto, do ekde la lastaj jardekoj de la 14-a jarcento akompanas la grandiozan evoluon de la hungara pentroarto ĝis la fino de la gotika pentro, prezentas plenan bildon pri unu el la plej unueca, plej bonkvalita epoko de la hungara arto. Li pruvas, ke jam ĉirkaŭ la jaro 1380 ekfloris vigla pentrokulturo en Hungarujo, ĉar la bildoj, postrestintaj el tiu ĉi tempo, montras tiom rapidan evoluon, ke ilian ekeston kaj neatenditan evoluon oni ne povas simple klarigi al si per la invito kaj penetro de fremdaj majstroj. Li tuŝas ankaŭ la memstaran nacian karakteron de la hungara pentro kiu fariĝis tia, kvankam la evoluo ekiris sub la protektado de du spiritaj granpotencoj: la germana kaj itala pentro. Tial estas, ke multaj eminentaj bildoj atingas la nivelon de la aŭstrogermana pentro. Sed la multscia verkisto ne traktas per hipotezoj, sed per la metoda esploro de la materialo, per la funda kono de pli ol dumil bildoj li desegnas la konturojn de la evolulinio de la malnova hungara pentroarto. Tiu ĉi linio kuras sagorekte supren de la Madono de Ludoviko la Granda kaj de la triobla altaro de Bát tra Tomaso de Kolozsvár kaj tra la eminentkvalitaj bildoj de la majstro de Jánosrét ĝis la t. n. M. S. majstro, ĉe kiu kulminas la malnova hungara pentroarto. Kaj en tiu spaco ekzistas la multego de la religitemaj bildoj, le memstaraj produktoj de granda kolektiva kulturo, valoraj dokumentoj de la spirito de jam pasinta mondo.

Sed dr. István Genthon, kiu apartenas al la unuaj pioniroj de la juna hungara artkritikista generacio kaj poluris sian apartan talenton per la detala trastudo de la plej modernaj metodoj kaj tendencoj, estas ne nur fakulo, sed verkanta por la plej vasta laika publiko. Kaj liaj meritoj estas eble plej grandaj sur tiu ĉi kampo. Ĉar se la leganto trastudas ĉi tiun verkon li kleriĝos ne nur pri la evoluo de la hungara pentro, sed li ricevas apude tian enkondukon por la ĝuo de ĉiuj epokoj de la arto, kiu honorus eĉ libron, speciale verkitan kiel manlibro de arto. La verkisto ne nur bone atentas la tiutempajn eksterlandajn interrilatojn, sed per la detalaj analizo kaj priskribo de la presitaj bildoj li montras al la leganto tiun vojon, kiun oni devas sekvi, se oni volas enprofundiĝi en la ĝuon de iu artverkajo kaj oni volas kompreni ĝin. Tio estas la neforpasebla merito de la verkisto kaj tial estos la verko ĉiam aktuala.

La tradukisto mem bone sciis kaj konis la celojn de la aŭtoro kaj tradukis la verkon ne nur en neriproĉebla lingvo kaj per plej facila kaj komprenebla stilo, sed ankaŭ per la uzo de kiel eble plej malmultaj neologismoj, kvankam la speciala temo necesigis por tio grandan fortostreĉon. La merito de la tradukisto estas ankaŭ tio, ke li faris ĝuebla la libron ankaŭ por tiuj, kiuj ne konas la historion de Hungarujo mem kaj krom la teksto, aldonis ankaŭ apartan klarigaron pri la elparolo kaj nuna nomo de la malnovaj hungaraj lokoj.

Kaj parolante pri la eldono, mi ne rajtas preterlasi la meritojn de la eldonejo mem, kiu ne ŝparante mononkaj energion, faris la verkon eble la plej bela libro en Esperanto.

Multfoje oni plendas, ke nia literaturo ne atentas bone la postulojn kaj bezonojn de la lingvo-propagando, kio ĉe ni estas tre grava postulo. Tiu ĉi libro plene kontentigas ciujn dezirojn:

La literaturisto ricevas interesan legaĵon
la lingvisto senriproĉan teknikan lingvon
la artamanto belegan libron kun vere abundaj ilustraĵoj
la propagandisto unu el tiuj propagandiloj, kiuj devas esti plej efikaj en artistaj, intelektaj kaj katolikaj rondoj,
kaj la komencanto facilan legaĵon.

Jen pro kio mi dezIras al la verkisto kaj eldonejo sukceson, kian ili meritas kaj al la esperantistaro ankoraŭ multe da tiaj eldonaĵoj.

*D—ö.*

TAKEO ARIŜIMA: SENBEDAŬRE AMO RABAS. El la japana tradukis: Tojosato Tooguu, la tradukon reviziis: S. Furusaŭa. 103 paĝoj. Eldonejo: Japana Esperanto Instituto, 1931.

Tiu ĉi profundanaliza libro atestas pri renkontiĝo de l' orienta kaj okcidenta Penso. La aŭtoro estas klarmensa intelektulo, iom inklina al eklektikismo, al kiu tamen sukcesis konstruo de interesa, originala verko. Li multe legis, kaj, kvankam lia kontrola kritiko ne ĉiam funkcias senriproĉe, oni devas rekoni, ke li ne estas humila adepto de siaj eŭropaj filozofidealoj, sed la eŭropa efiko fekundigis lian originalan orientan spiriton, kaj la du faktoroj naskis amalgamon, kiu vere povas interesi ĉiun mense aktivan eŭropanon.

La esprimiloj de l' verkisto estas tiuj de logika filozofo, bedaŭrinde la libro senas ĉiun poezian facilecon kaj graciecon, kiuj en la verkoj de kelkaj eŭropaj filozofoj faras eĉ la plej komplikajn tezojn tiom facile alireblaj. Eble ankaŭ la tradukisto estas parte kulpa pri tiu ĉi iom peza stilo, sed tamen oni devas admiri lian brave plenumitan laboron. Mi povas rekomendi la libron al lingve spertaj, por pripensado pretaj samidenoj.

*Ludoviko Totsche.*

EISABURO IŜIHARA: VERDA KARTO. Socio post 50 jaroj. El la japana tradukis: H. Jamanaka. 184 paĝoj. Eldonejo: Japana Esperanto Instituto.

Teknika fantaziaĵo pariĝinta kun socia utopio. Imitaĵo de ' samtendencaj eŭropaj romanoj, sed kun esprimiloj multe pli modestaj. La gusto de l' eŭropa publiko estas ege dorlotita per tiaj libroj, en la okuloj de eŭropano la romano de Iŝihara estas nesaveble naiva: troviĝas scenoj, kie la aŭtoro intencis ĝis eksplodo streĉi la nervan ekscitiĝon de la leganto kaj la sceno rikoltas nur rideton. (La aŭtoro ridinde naive imagas la vivon en la estonto, ĝin simbolas la elektra revolvero, kiu estas nedisigebla de liaj herooj, ili eĉ dormas kun ĝi!) Pri la sociaj ideoj de l' aŭtoro ni eĉ ne parolu, ili estas tiom infanecaj. Ankaŭ el psikologia vidpunkto la libro estas fuŝita: la rilato inter patrino kaj filo estas monstre absurda. Almenaŭ por eŭropaj okuloj.

La traduko ne estas malbona. Kompreneble la tradukinto devas ankoraŭ multe studi la modernan Esp-an literaturon. Kelkaj rimarkoj: en la frazo: »estas neeviteble, ke vi miskomprenus min« anstataŭ la kondicionalo ĝustas la u-modo. La uzo de »unu« kiel nedifinita artikolo infektas ankaŭ tiun ĉi libron.

Kaj tamen mi ne povas diri, ke la romano enuigis min. Mian interesiĝon streĉis la japana vidmaniero de l' aŭtoro, kiu senteblas sur ĉiu paĝo de la libro. Nu, kiu emas legi ĝin el *tia* vidpunkto, al tiu mi povas rekomendi ĝin.

Ankoraŭ demando al la Japana Esperanto Instituto: la eŭropa publiko avidas pri la veraj valoroj de la japana literaturo, ĉu ne estus pli ĝuste tradukigi *tiajn* verkojn? Kaj, ĉu antaŭ eldono de iu libro ne estus utile konsulti eŭropan fakulon?

*Ludoviko Totsche.*

ITALO TOSCANI: RAKONTOJ POR GEKNABOJ. El la itala: R. Castagnino. 88 paĝoj. Eldonejo: A. Paolet. St. Vito al Tagliamento Italujo Prezo: 4.— liroj + 20% por sendkostoj.

*Sunt lacrimae rerum:* la aĵoj havas larmon, animon, tio estas la impreso de la leganto dum la lego de tiuj ĉi rakontoj. Varmokula, mildkora poeto estas Toscani, kun helpema kompato al la sufera vivo de la mizeruloj kaj malfortuloj. Kaj lia kompato inundas en la naturon, eĉ en la ŝajne plej senvivajn objektojn. Jen forlasita domo, jen sola cipreso, jen brila stelo helpas al la mizeruloj kontraŭ la kruela indiferenteco de la sorto, aŭ de la malbonuloj. Amo estas la ĉefmotivo, kiu regas en tiuj ĉi fabeloj, kaj kiu gajnas nian simpation por la verkisto, kvankam multfoje la tendenco estas trovidebla, multfoje la apostolo venkas la poeton.

La traduko estas bonstila, kiel decas al libro destinita por knaboj. Tamen anstataŭ la plurfoje uzita »elspiro« estus sufiĉinta »spiro«; la verbo »formalaperi« estas terura. En la esprimo »unu vesperon« la aŭtoro uzas »unu« kiel nedifinitan artikolon. Ĉu la 16 reguloj de la gramatiko estas tiom multe, ke oni tiel facile povas forgesi pri ili?

Oni bone agas, se oni legigas tiun ĉi libron per niaj esp-istaj knaboj.

*Ludoviko Totsche.*

LA ENIGMOJ. 16 paĝa kajero. 1000 premioj por la solvintoj! Eldonas: la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto.

La Internacia Cseh-Instituto aranĝas grandan enigmokonkurson, kies partopreno estas tre utila, ĉar krom la multaj premioj, oni ludante, cerbumante, nerimarkante lernas multajn novajn vortojn esperantajn kaj pasigas kelkajn agrablajn horojn dum la solvo de la ruzaj enigmoj.

RAFAEL DE SAN MILLÁN ALONSO: MIA POEZIO. 64 paĝoj. Eldonis: Hispana Esperanto Asocio. 1932. 1.— fr. sv.

De mortuis nil, nisi bene: pri la mortintoj diru nur bonon! Oni eldonis tiun ĉi poemkajeron je la memoro de l' fervora hispana samideano: do ĉi foje la kritiko silentu. La libro certe interesos la personajn amikojn de l' mortinto, sed mi ne pensas, ke ĝi povus allogi pli larĝan publikon. Tamen mi notu la titolon de la plej bona poemo en la volumo, la soneton »Moralisto«, kiun mi nepre envicigus en kiun ajn antologion de nia originala poezio.

*Ludoviko Totsche.*

UNUA LEGOLIBRO. Eldono de SAT. 23, Rue Boyer, Paris XX. 102 p. Prezo: 1 mkg. Kompilis: N. Bartelmes.

Tiu ĉi legolibro estas tre varia. Ĝi donas multajn interesajn kaj enpensigajn rakontojn, fabelojn, priskribojn, poemojn, sciencajn traktadojn, karikaturajn ilustraĵojn ktp. por laboristesperantistoj.

La ĉefa merito de la verko estas, ke ĝi donas lingvajn rimarkojn post ĉiu legaĵo el kiuj oni multon povas lerni, analizante diligente la enhavon de la jus legita teksto. Tre rekomendinda lego- kaj lernolibro por kursoj kaj studrondoj proletaj.

*P. P.*

DI INTERNACJONALE HILFS-SPRAH de Dro A. Goldburt. (La internacia lingvo). Eldono de Vilna Esperantista Societo »Universo«. 24 paĝoj. Prezo: 30 groŝoj polaj.

Tre bona propaganda broŝuro por judoj. Klare kaj konvinke la aŭtoro prezentas ĉiujn popularajn argumentojn kaj avantaĝojn de Esperanto. Utila propagandilo en la mano de ĉiu esperantisto, aganta inter judlingvanoj.

*I. Lejzerowicz.*

# Jen la ornamoj por via biblioteko:




Prezo: USA dol. 2.20 + 10%



Prezo: USA dol. 3.— + 10%

**Eldonis: „LITERATURA MONDO", Budapest, IX., Mester ucca 53. V. 7, ricevebla de la seriozaj esperantistaj librovendistoj**

---

## *POR LA GOETHE JARO*

LITERATURA MONDO eldonis du versajn verketojn de la senmorta majstro en modela traduko de

## *K. Kalocsay*

En belaspekta, arte ilustrita libreto aperis:

## *Goethe:*

### *ROMAJ ELEGIOJ kaj LA TAGLIBRO*

El la universala genio, ĉion ampleksanta personeco de la Poeto kaj Scienculo, ĉi tiuj du poemoj montras al ni la **erotikan** Goethe. Novan Goethean miton de grekpagana amo revelacias la **Elegioj** en antikvaj metroj. La rememoroj de maljunulo nutras la fajron de la **Taglibro,** de ĉi tiu tiom malkaŝparola kaj funde tamen tiom morala etaĉefverko. — Prezo broŝ. USA dolaroj 0.40, bind. dolaroj 0.60, afrankita. — En silka bindo, sur arta kretopapero, farita nur 50 numeritaj ekzempleroj subskribitaj de la tradukanto, dol. 1.— afrankita.

---

## DE PAĜO AL PAĜO

en la verkoj de la famaj esperantistaj verkistoj kaj tradukistoj kondukas la leganton la samtitola libro de

### LUDOVIKO TOTSCHE

konstanta recenzisto de Literatura Mondo

La studoj traktas pri BAGHY, BODÓ, HILDA DRESEN, ENGHOLM, FORGE, HOHLOV, KALOCSAY, K. ROBINSON, SZILÁGYI, STURMER, R. SCHWARTZ

La studoj verkitaj kun granda kompreno kaj prezentantaj profundan analizkapablon kaj interesajn vidpunktojn, detale montras la mankojn kaj virtojn de la verkistoj, projekciante ilian

## *literaturan profilon*

interese kaj fidele.

La libro 124 paĝa en formato 13.5×20 cm. kun bela ŝirmkovrilo, portreto kaj malgranda biografio de la verkistoj, sur senligna papero presita kostas

broŝurita usonajn dolarojn 0.50
bindita usonajn dolarojn 0.80

Aldonu 10% por sendkostoj.

**Mendu ĉe la eldonejo: „Literatura Mondo", Budapest, IX., Mester ucca 53. V. 7. ĉe niaj reprezentantoj kaj ĉe la seriozaj esperantistaj librovendistoj**

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István